

*Foto: Zentralbild*

**En tiu historia loko, la kastelo „Cecilienhof", en Potsdam apud Berlin, la 2an de aŭgusto 1945 la Potsdama Interkonsento estis subskribita de la ĉefuloj de la registaraj delegacioj de USSR, de Usono, de Granda Britujo. La grandaj potencoj de la antihitlera koalicio decidis:**

**Ekstermon de la militarismo kaj la naziismo en Germanio!**
**Demokratigon de la politika vivo!**
**Garantion de la unueco de Germanio!**

# CECILIENHOF

Unu el la plej elstaraj vidindaĵoj de Potsdam estas „Cecilienhof", la historia memorloko de la Potsdam-a interkonsento. Tiu ĉi kastelo estis precipe intime ligita al la fatala militarisma kaj faŝisma potencstrebado en Germanio ĝis 1945.
Ĝi estis konstruata de 1913 ĝis 1916 kiel rezidejo de la germana kronprinco. Per la novembra revolucio 1918 Germanio fariĝis respubliko. La Weimar-a registaro ŝtatigis multajn iamajn rezidenckastelojn de la detronigitaj princoj. Sed per la kompenso al la princoj, kiun la reakciaj partioj helpe de la regna prezidento von Hindenburg sukcesis atingi kontraŭ la popola rezisto en la jaro 1926, la princoj rericevis multajn eksproprlitajn kastelojn kaj altajn monajn „kompensaĵojn". Tiel la kastelo Cecilienhof refoje estis la loĝejo de la iama kronprinca familio.
Ĉi tie ĝis la fino de la faŝisma terorregado manifestiĝis la germana reakcio en ĉiuj variaĵoj.
Pro tio kun la loko de la Potsdam-a konferenco en la kastelo Cecilienhof la mondpubliko asociis samtempe la nocion „Potsdam" kiel mondfama rezidenturbo de la prusaj reĝoj, kiel tiu germana garnizonurbo, kie neeltenebla militista aroganteco estis reginta kontraŭ la civitanoj.
La ĉefa postulo de la popoloj, precipe de la 50 ŝtatoj alianciĝintaj en la kontraŭhitlera koalicio, al la tripotenca konferenco estis, krei garantiojn, por ke neniam plu eliru milito de sur germana teritorio. Tiucele estis decidite senigi de armiloj kaj malarmi Germanion, demokratiigi la tutan vivon, kondamni la nazi- kaj militkrimulojn inkluzive la teoriajn aŭ „skribotablo"- murdistojn, forigi ĉiujn kulpoŝarĝitajn naziulojn el ĉiuj gravaj pozicioj, kaj en la publika kaj duonpublika kaj ankaŭ en la ekonomia kampoj, kaj neniigi la kartelojn, entreprenistajn sindikatojn, trustojn kaj aliajn monopolajn unuiĝojn.
La kvarpotenca okupacio de Germanio ekhavis la taskon certigi la realigon de la konstruo de kontraŭfaŝisma-demokratia germana pacordo. Estis malimplicite fiksite ke Germanio estu konservata kiel unuo.
Tiu ĉi interkonsento estis subskribita la 2-an de aŭgusto 1945 en la ĉefsalonego de la kastelo Cecilienhof. – Ĝi trovis vastan eĥon ne nur en Germanio.
Precipe la laboruloj ekkomprenis post la 8-a de majo 1945, ke tute nova vojo devas esti surpaŝata, kaj prave atendis, ke tiu ĉi vojo kondukos en pacan estontecon.
Milionoj da germanoj sekvis la alvokon de la kvar kontraŭfaŝismaj-demokratiaj partioj, konstrui komune la novan paceman Germanion. La Sovetunio havis la plej grandan kaj plej pezan parton en la venko super la germana faŝismo kaj militarismo. Ĝi perdis pli ol 20,3 milionojn da homoj per la naziagreso kaj la militistaj bataloj. Same konsekvence kiel en la Granda Patrolanda Milito la Sovetunio laboris en sia okupacia zono por la realigo de la dispozicioj, kiuj estis deciditaj en la Potsdam-a interkonsento. Per soveta helpo en la hodiaŭa teritorio de GDR estis efektivigita revolucia kontraŭfaŝisma-demokratia transformiĝo, kies ĉefaj trajtoj estis la demokratia terreformo, la eksproprligo de la monopoloj kaj de la ceteraj entreprenoj de la nazi- kaj militkrimuloj, la demokratia reformo de la lernejoj, kulturo, administracio kaj financoj.
Per tio estis kreata la garantio, ke en Germana Demokratia Respubliko neniam denove la fortoj kulpaj pri du mondmilitoj povos ekokupi la poten-

*Kastelo Cecilienhof – rigardo al la diskutadotablo de la Potsdama interkonsento*
*Foto: Zentralbild*

*Kastelo Cecilienhof – la akceptejo de la sovjeta delegacio dum la konferenco*
*Foto: Zentralbild*



con. Tute certigataj estis la revoluciaj atingaĵoj en la sekvanta etapo, la konstruo de la socialisma sociordo.
La kaŭzo por tio, ke en Okcidentgermanio ankoraŭ ekzistas imperiisma sociordo, kies politika direkto endanĝerigas pli kaj pli ofensive kaj danĝere la sekurecon kaj la pacon en Eŭropo, estas la malrespektado kaj la rompo de la Potsdam-a interkonsento en la tiamaj tri okcidentaj zonoj.
Depost la senrajta fondiĝo de la okcidentgermana ŝtato la Bonn-a registaro, primokante ĉiun internacian juron, insistas pri tio, ke ĝi laŭdire reprezentas Germanion en la landlimoj de 1937 kiel sola reprezentanto kaj ke ĝi sekve ne agnoskas la landlimon laŭ la riveroj Oder kaj Neiße. Kaj ĝuste en tio – en la okcidentgermana postulo pri revizio de la landlimoj post la dua mondmilito – konsistas la granda danĝero de tria mondmilito.

*E. Herbrig, Potsdam*
*(Trad.: Dr. Karl Schulze, Berlin)*



# La homaj rajtoj kaj ilia realigo

## precipe en ambaŭ germanaj ŝtatoj,

**de Siegfried Forberger, sekretario de GDR-komitato por defendo de homaj rajtoj**

Kvankam la Germana Demokratia Respubliko ĝis nun ankoraŭ ne estas membro de la Unuiĝintaj Nacioj*), ĝiaj ŝtatorganoj kaj neŝtataj organizaĵoj konsideras la decidojn kaj principojn de UN tre seriozaj. Tio koncernas ankaŭ la „Internacian Jaron de Homaj Rajtoj", al kiu la Germana Demokratia Respubliko dediĉas aktivan subtenon per speciala maniero. Laŭ decido de la popola parlamento, plej alta popola reprezentantaro de GDR, estis ellaborata socialisma konstitucio kaj estis atente pridiskutata de la loĝantaro. Tiu ĉi nova fundamenta leĝo registros la atingitan evolustaton kaj kreos la ŝtatjuran fundamenton por la plena konstruado de socialisma sociordo.

Kiaj estas la atingaĵoj de GDR en la sfero de la fundamentaj homaj rajtoj, kiuj nun estas jure fiksitaj en nova konstitucio?

La socia kaj ŝtata evoluo de GDR bazas sur la internacijura principo de estimo kaj subteno de la ĝeneralaj homaj rajtoj kaj tio en plej firma ligiteco al la konfeso por garantio de la mondpaco, pri samrajteco de la popoloj kaj pri la realigo de la memdecidrajto, kiel tion fiksas la Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj en la artikoloj 1 kaj 55. Tiu ĉi objektiva ligiteco, en kiu sin esprimas la homaj rajtoj en la hodiaŭa mondo, respondas samtempe al la historiaj instruoj, kiujn devis tiri la popoloj de la kontraŭhitlera koalicio kaj la germanaj kontraŭfaŝistoj el la dua mondmilito, kaŭzita de la germana imperialismo kun naziisma karaktero.

Sur la bazo de tiu ekkono, kiu estas aprobita en la internacijuraj postuloj de la Interkonsento de Potsdam, sankciis la unua konstitucio de GDR el la jaro 1949, ke la ekonomiaj kaj politikaj fundamentoj de la potenco de la germana monopolkapitalo kaj militarismo estu por ĉiam forigitaj. La potenco de laboristoj kaj kampuloj, kiu bazas sur la popolproprаĵo de la plej gravaj produktiloj, anstataŭis la naziaktivulojn, konzernposedantojn kaj grandbienulojn, eksproprigitajn per popola plebiscito. Per liberiĝo el ekonomiaj, politikaj kaj ideologiaj katenoj, la popolo de GDR realigis la popolan suverenecon, kiu de tiam estas la fundamenta principo de la socialisma ŝtat- kaj sociordo en GDR. Nur sub tiaj kondiĉoj estis eble atingi la plej altajn homajn rajtojn je paca vivo kaj nacia memdetermino. La paco kaj la batalo por ĝia konservado kaj firmigo fariĝis nesanĝebla fundamento de la ŝtatpolitiko de GDR.

Tiaj fundamentaj rajtoj de la civitanoj kiel la rajto je laboro, la rajto je klerigado, la rajto je protekto de la sano, la samrajteco de la virino, la rajto je sama salajro por sama laboro kaj multaj aliaj rajtoj, konstitucie garantiitaj kaj ma-

*) La 28an de februaro 1966 la prezidanto de la ŝtatkonsilantaro, Walter Ulbricht, faris tiurilatan proponon al la ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, U Thant. Pliaj detaloj estas troveblaj en la broŝuro „La germana popolo kaj la Unuiĝintaj Nacioj". Tiu ĉi broŝuro estas havebla ĉe Esperantoamikoj de GDR, 108 Berlin, Charlottenstr. 60



*Leuna II dum nokto*

terie sekurigitaj unuafoje en la germana historio en la jaro 1949, progresis en sia evoluo dum la pasintaj 18 jaroj. La rajto je laboro ekzemple, kies materia bazo estas la socia propraĵo je produktiloj, ne plu estas disigebla de la larĝaj rajtoj, kiujn la laboruloj en la entreprenoj posedas por aktive partopreni la planadon kaj administradon de la produktado kaj la evoluigon de la laborkondiĉoj.
La rajton je klerigado, limigita en la konstitucio de 1949 al nura klerigado de la junularo, oni evoluigis al ampleksa rajto de ĉiuj civitanoj je perfektigo de ĉiuj iliaj fizikaj kaj spiritaj kapabloj. Moderna ĝenerala klerigado estas garantiita al ĉiuj infanoj. Tio efektiviĝas en la dekklasaj politeknikaj superaj lernejoj en urboj kaj vilaĝoj. Por la klerigado de plenkreskuloj ekzistas multspecaj institucioj kiel ekzemple popolaj altlernejoj, ĉeuzinaj akademioj kaj aliaj. Konforme al la modernaj ekscioj en la natur- kaj sociscienccoj kaj en la pedagogio, sisteme realiĝas sur tiu bazo la unueca socialisma sistemo de klerigado – de la infanĝardeno ĝis la altlernejo.
La bazaj personaj rajtoj de la civitanoj pri kunlaboro en la konscia formigado de la tuta politika, ŝtata, ekonomia kaj kultura vivo trovis multspecan norman esprimon en multnombraj leĝoj dum la lastaj jaroj de la socialisma jura evoluo. Jam delonge ili superkreskis la malvastajn limojn de la artikolo 3 de la malnova konstitucio, kiu komence vidis en la kundecidrajtoj de ĉiu civitano ĉe la praktikado de la ŝtatpotenco nur la partoprenon ĉe balotoj, akceptadon de publikaj funkcioj kaj la eblecon direkti petojn kaj plendojn al la popolaj reprezentantoj. El tiu rajto, plivastigita al ampleksa rajto je kunregado, rezultis kaj rezultas ega ekfloro de la kreoforto de la popolo, kiu en granda kolektiva agado konstruis stabilan, modernan socialisman sociordon. Ĉia alta ekonomia produktadkapablo starigis GDR-on sur la dekan lokon inter la gvidantaj industriŝtatoj de la mondo.
Prave GDR povas atentigi en sia bilanco rilate al la „Internacia jaro de Homaj Rajtoj", ke ĝi ne nur plenumas la normojn de la deklaracio de Homaj Rajtoj kaj la konvenciojn de UN laŭ ilia plena enhavo, sed ĝi eĉ superas ilin. Tio substrekas la pretendon de GDR pri aliĝo al tiuj konvencioj kiel ankaŭ pri kunlaboro en la Unuiĝintaj Nacioj kaj ĝiaj specialaj organizoj.
La agreso de Usono en Vjetnamio, la rasteroro en Suda Afriko kaj Rodezio, la israela politiko de aneksado kiel ankaŭ la faŝisma teroro en Grekujo kaj la kontraŭpaca revenĝpolitiko de la okcidentgermana ŝtato pruvas, ke la realigo de la homaj rajtoj en la hodiaŭa mondo ankoraŭ bezonas komunajn klopodojn de ĉiuj pacamaj kaj progresemaj fortoj en ĉiuj landoj.
Dum GDR staras en frata solidareco ĉe la flanko de la subpremataj popoloj, la okcidentgermana registaro subtenas la barbaran militon de Usono en Vjetnamio. Ĝi ĉien ŝovas siajn manojn, kie oni piedpremas homajn rajton kaj dignon. Tio ne estas hazardo, ĉar la okcidentgermana registaro kaj la potencoj de la monopolkapitalo, kiuj apogas ĝin, praktikas politikon, celantan al posedo de atomarmiloj respektive al disponrajto pri ili kaj al ŝanĝo de la ĝisnuna stato en Eŭropo. La strebado al ŝanĝo de la ĝisnuna stato kaŝas la postulon de la okcidentgermana registaro restarigi la landlimojn de la nazia Germanujo el 1937. Tiun ĉi revenĝeman pretendon oni povas kompreni nur kiel potencialan militdeklaron al GDR kaj aliaj eŭropaj ŝtatoj.
Per sia interna politiko akcelas la registaro en Bonn la novnaziismon, kies kreskado alarmas la internacian publikon. Laŭ la modelo de la hitlera plenrajtiga leĝo, kreis la okcidentgermana registaro per „Eksterordinaraj leĝoj" pseŭdoleĝan ilon por ĉiutempe laŭ greka ekzemplo senvalidigi la jam subfositajn fundamentajn rajtojn de la popolo.
Tiuj faktoj kontraŭ la homaj rajtoj, en la okcidentgermana Federacia Respubliko prezentas latentan minacon al la paco en Eŭropo. Tial entreprenu la pacaj fortoj de nia terglobo, ĉefe en la „Internacia jaro de Homaj Rajtoj", konsidere la spertojn pri la hitlera faŝismo, la necesajn penadojn por decide haltigi tiun ĉi danĝeran evoluon.

**Por la „Internacia jaro de Homaj Rajtoj" 1968**

oni starigis en la Germana Demokratia Respubliko komitaton, kiun prezidas Wolfgang Beyreuter, vicprezidanto de la „Germana Ligo por la Unuiĝintaj Nacioj en GDR". En la komitato membras reprezentantoj de multnombraj organizaĵoj. La prezidanto de la „Germana Ligo por la Unuiĝintaj Nacioj en GDR", Prof. D-ro Peter-Alfons Steiniger, atentigis en gazetara intervjuo pri la 20-a datreveno de la tago, en kiu la asembleo de UN proklamis la deklaracion pri la ĝeneralaj homaj rajtoj. Li diris, ke en GDR tiuj ĉi principoj estas realigitaj, sed usonaj agresantoj murdas en Vjetnamio senkulpajn homojn; daŭras la sekvoj de la israela agreso al araba teritorio; levas en Grekujo la faŝistoj sian kapon kaj en la okcidentgermana Federacia Respubliko la novnaziismo danĝere ekfloras.

*Trad.: R. kaj D. Berndt*

---

## Per kelkaj linioj

En la plej granda produkteja komplekso de GDR, en la „Leuna-Werke", 80-procente detruita dum la dua mondmilito, nun produktata po jaro ĥemiproduktojn en valoro de 1,4 miliardoj da markoj. Tio estas preskaŭ la duoblo de 1943, la jaro kun la plej alta produktkvanto antaŭ transpreno de la produktejo en popolposedon.

■

En la sep universitatoj kaj 36 altlernejoj de GDR nuntempe studadas 112 000 studentoj, inter ili 4000 junaj homoj el 114 landoj de la terglobo.

■

En taktprocedo la popola ŝipkonstruejo Stralsund produktas fiŝkaptajn kaj fiŝprilaborajn ŝipojn 3200-tunajn de tipo „Atlantik". 1967 alakviĝis 23 tiaj ŝipoj 82 metrojn longaj.

■

GDR nuntempe disponas pri 333 junular-tranoktejoj kaj ĉiamaj migrulloĝejoj kun 25 754 dormlokoj. Robert Olsen (Danlando), ĝenerala sekretario de la Internacia Junular- kaj Tranokteja Federacio, pledis por akcepto de GDR en tiun ligon.

---

# Monda protesttago kontraŭ la US-milito en

La 21a de oktobro 1967 estis memorinda tago en la historio de la mondpacmovado. Origine la „Usona nacia mobiliza komitato por ĉesigi la militon en Vjetnamio" alvokis en ĉiuj partoj de USA al demonstracioj kontraŭ la milito en Vjetnamio. Ĉi tiu apelo poste resonis en la tuta mondo. La mondkonferenco Vjetnamio en Stokholmo akcelis plensone la apelon kaj mem alvokis por ĉi tiu tago al solidaraj manifestacioj kun la amerikaj pacamikoj.

La ĉefpostuloj estis jenaj:

- Definitiva kaj senkondiĉa finigo de la bombatakoj kaj de ĉiuj aliaj militagadoj kontraŭ Vjetnamio,
- senkondiĉa returnmarŝo de la amerikanaj kaj alilandaj soldatoj kaj likvido de la eksterlandaj militbazoj en Sud-Vjetnamio;
- devas esti permesate al la vjetnama popolo, mem reguli siajn aferojn laŭ la principoj fiksitaj en la Ĝenevaj kontraktoj kaj en la programo de la Nacia Liberigfronto en Sud-Vjetnamio.

Kio sekvis, superis ĉiujn supozojn. En ĉiuj kontinentoj komenciĝis potencplenaj mitingoj kaj protestoj kontraŭ la Vjetnamia milito de USA. Ili baziĝis sur la profunda solidarec-sento kun la vjetnama popolo, kiu devas travivi tiel terurajn suferojn, ili ankaŭ baziĝis sur la deziro, esprimi al tiuj amerikanoj simpation kaj dankon, kiuj opozicias kontraŭ la Vjetnampolitiko de ilia registaro. Multnombraj kunvenoj estis en direkta telefonkontakto kun mitingoj en USA kaj aliaj partoj de la mondo. Estis mondprotesto en la plej vera vortsenco. Plia karakterizaĵo de ĉi tiuj manifestacioj estis, ke ĉie tre diversaj organizaĵoj kaj movadoj kuniĝis por komune pruvi ilian firman intencon, ĉesigi ĉi tiun teruran militon. Pacorganizaĵoj, religiaj societoj, sindikatoj, virinoj, gejunuloj, studentoj de diversaj mondperceptoj demonstraciis kune.
Kompleta raporto pri ĉiuj protestagadoj tute plenigus ĉi tiun numeron de nia revuo. Sed ankaŭ konciza raporto montras la amplekson, la vastecon kaj la unuformecon de la movado, kiu donis la stampon al tiu tago.

**USA:** Sole en Washington partoprenis pli ol 100 000 homoj en la demonstracioj. En la tuta lando oni taksas la partoprenintojn je 400 000. Ĉiuj klasoj de l'socio, etnaj kaj naciaj grupoj estis reprezentitaj en la demonstracioj kaj esprimis sian decidecon devigi la registaron al ĉesigo de tiu ĉi milito.
Dum la du tagoj de la „konfrontado al la militpolitikuloj" la manifestantoj sieĝis dum 32 horoj la ĉefeniron de la Pentagono – malgraŭ policaj bastonoj kaj larmiga gaso –. Pli ol 700 personoj estis arestitaj.
Jam antaŭ la 21a de oktobro okazis en Madisono (Wisconsin), Princetono (New Jersey), Ithaka (Nov-Yorko) kaj aliloke imponaj studentaj demonstracioj.
Karakterize estis por ĉi tiuj agadoj la multflankeco kaj la partopreno de plej larĝaj rondoj el la enloĝantoj. Pruvo por la jam atingita forto de la pacmovado en USA estas la fakto, ke la registaro estis devigita, kunvoki tian grandan amason da policanoj kaj soldatoj kontraŭ la manifestantoj.
En *Argentinio* okazis multaj diversspecaj manifestacioj, ekzemple artistoj aranĝis vend-ekspozicion de siaj verkoj kaj transdonis la enspezojn al la helpa kolektaĵo por Vjetnamio. Virinoj fondis patrin-komitatojn. Krom en Buenos Aires agadoj estis realigataj en la Plata, Avellaneda, San Martin, San Fernando kaj Quilmes (Kilmes). La argentina packonsilantaro transdonis al la Vjetnamiahelpkomitato 1,5 milionojn da pesoj.

**Aŭstralio:** Pli ol 10 000 personoj partoprenis en protestmarŝo tra Sidney, kiu finiĝis per mitingo. Ankaŭ en Melbourne okazis demonstracio.
**Aŭstrio:** Laŭ apelo de diversaj pacorganizaĵoj pli ol 1000 personoj partoprenis en protestmarŝado tra la centro de la ĉefurbo kaj manifestis antaŭ la universitato.

**Belgio:** Pluraj centoj da homoj kunvenis antaŭ la universitato de Bruselo, ankaŭ en Antverpeno oni demonstraciis.

**Bulgario:** Sub la patronado de la „solidareckomitato kun Vjetnamio de la bulgara packomitato, de la centra konsilantaro, de la sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj en Sofio okazis protest-manifestacio kontraŭ la milito en Vjetnamio.

**Brazilio:** Dum la tutlanda solidarecsemajno okazis kunvenoj kaj aliaj agadoj en Rio de Janeiro, Sao Paŭlo, Belo Horizonte, Recife ktp.

**Britio:** 6 000 personoj partoprenis en manifestacio sur la Londona Trafalgar Square. En Glasgovo demonstraciis 3000. Plie estis arangitaj agadoj en Aberdeen, Newcastle, Liverpool, Manchester, Sheffield, Hull, Hemel, Cardiff, Swansea, Ipswich, Colchester kaj Braintree. La kuracista helpkomitato por Vjetnamio ĉi tiun tagon efektivigis sangdonacagadojn.

**Ĉilio:** La komenco estis granda Vjetnamio-konferenco en Santiago. Dum la sekvantaj solidarec-tagoj oni aranĝis precipe kolektagadojn, en kiuj speciale la ministoj tre sukcesis. Artistoj, verkistoj kaj muzikistoj elpaŝis publike per propraj iniciatoj.

**ĈSSR:** En Praha okazis la 21an de oktobro kunveno, en kiu partoprenis ankaŭ reprezentantoj de la vjetnama popolo kiel ankaŭ amerikaj amikoj.

**Danio:** 15 000 homoj partoprenis en la protestmarŝo preter la parlamento al la US-ambasadorejo.

**Ekvadoro:** Studentoj de la jurista fakultato manifestis en Quito (Kito). En Quayaquil oni mobilizis policanojn kontraŭ studenta demonstracio.

**Francio:** Sole en Parizo estis 100 000 protestmarŝantoj, kunvokitaj de 32 organizacioj. Pliaj manifestacioj okazis en Toulouse, Grenoble, Vierzon, Bordeaux, Villeurbane, Nizza, La Mans, Caen, Verdun, Lyon, Marseille, Montpellier, Arles kaj Dünkirchen.

**Finlando:** 42 organizaĵoj alvokis al la manifestacioj okaze de la 21a de oktobro.

**Germana Federacia Respubliko:** En pli ol 300 urboj okazis demonstracioj, diskutadoj, kolektadoj. En Frankfurto manifestis pli ol 3000, en Hamm 1000 homoj. Ankaŭ en Göttingen, Braunschweig, Essen kaj aliaj urboj partoprenis multaj.

**Germana Demokratia Respubliko:** Enhavriĉa programo de la plej diversaj okazigoj atingis la kulminon per manifestacioj la 21an de oktobro en Berlino kaj Dresdeno.

**Hispanio:** Pluraj miloj da homoj, inter ili tre multaj studentoj, demonstraciis en Madrid.

**Hungario:** Dum la solidareca semajno kun Vjetnamio oni kolektis 50 milionojn da forintoj. La hungara junular-movado komencis kampanjon por aĉeti biciklojn por Vjetnamio. La duan de oktobro oni sciigis la transdonon de komplete aranĝita malsanulejo kun 200 litoj por la vjetnama popolo.

**Irlando:** Antaŭ la US-ambasadorejo demonstraciis 1000 personoj.

# Vjetnamio

*1 Miloj da gejunuloj demonstraciis en Parizo kontraŭ la milito en Vjetnamio.* *Foto: Zentralbild*

*2 Japanaj studentoj kaj junaj laboristoj manifestaciis kontraŭ USA vojaĝo de la japana ĉefministro Sato – la polico atakas kun larmiga gaso.* *Foto: Zentralbild*

*3 Protestagado en havenurbo Antwerpen.* *Foto: Zentralbild*

*4 Parto de impona demonstracia marŝo en Okcidentberlino.* *Foto: Zentralbild*

1




2



3




4




**Italio:** Dum la manifestacioj en Torino, en kiuj partoprenis kelkaj miloj da homoj, okazis kunpuŝiĝoj kun la polico. En teatro de Ĝenevo okazis protesta kunveno.

**Israelo:** La ĉefstratoj de Tel Aviv estis okazejoj de protestmarŝo kontraŭ la vjetnama milito.

**Japanio:** En la strikoj kaj demonstracioj, al kiuj la japana sindikato SOHYO alvokis, partoprenis pli ol 1,5 milionoj da homoj. En Tokio marŝis 3000 homoj al la US-ambasadorejo, pli ol 30 000 demonstraciis antaŭ armea provizejo.

**Jugoslavio:** Miloj partoprenis en protestdemonstracioj en Beogrado.

**Kanadio:** 3000 personoj marŝis tra la ĉefstrato de Toronto kaj encirkligis la US-ambasadorejon.

**Kolumbio:** Laŭ iniciativo precipe de artistoj kaj sindikatanoj estis aranĝitaj entute kvindek demonstracioj en diversaj regionoj de la lando.

**Kongo:** (Kinshasa) La konga pacligo alvokis por manifestacio en la ĉefurbo. Gejunuloj kaj studentoj aranĝis solidarecagadojn por la vjetnama junularo.

**Kubo:** En la tuta lando la 21a de oktobron okazis demonstracioj. La packomitato sendis solidarecmesaĝon al la amerika nacia mobiliza komitato.

**Madagaskario:** En la centro de la agadoj okazantaj la 21an de oktobro estis la Stokholma apelo, por kiu estis komencata subskrib-kampanjo.

**Kurt kaj Jeanne Stern (GDR)**

# SUR LA VOJOJ DE AMIKECO

Jam dum la unuaj tagoj de nia oksemajna restado ni havis okazon viziti, gviditaj de la fama vjetnama ĥirurgo Profesoro Tung, la hospitalon de la Germana – Vjetnama Amikeco. Nin akompanis konata ĥirurgo el GDR, kiu dum monatoj laboris en ĉi tiu hospitalo, kaj ĵus revenis de Berlino per aviadilo plene de medikamentoj. Li montris al ni multajn medicinajn aparatojn kaj instrumentojn el GDR kaj ankaŭ el aliaj socialismaj landoj. Plene de admiro li rakontis al ni pri la senlaca laboro de la vjetnamaj kuracistoj kaj pri rimarkindaj esplorrezultoj de la vjetnamaj scienculoj.

Ĉe la fama Ham-Rong-Ponto ni vidis la elektro-centrejon, konstruita per hungara helpo, inaŭgurita 1962 kaj depost 1965 multfoje bombardita kaj ĉiufoje riparita de la vjetnamaj laboristoj tiel, ke ĝi ankoraŭ hodiaŭ provizas la landon per elektra kurento.

En Haiphong ni vizitis la grandan cement-fabrikon konstruitan per rumana helpo, kaj la vitro-fabrikon kiu ne nur estis aranĝita per GDR-helpo, sed kie ni ankaŭ povis interparoli germanlingve kun vitro-facetistinoj, instruitaj ĉe ni. En la haveno ni vidis ŝipojn el socialismaj landoj: malgraŭ konstanta danĝero, diversaj varoj tre urĝe bezonataj de ĉi tiu lando estas elŝipataj el Pollando, Sovetunio, Ĉeĥoslovakio kaj GDR.

En Hanoi la interpretisto – kiu estis studento en Leipzig por relief-pres-tekniko (Tiefdruck-Technik) – montris al ni la grandan presejon, en kiu li laboras, kiam li ne estas prizorganta germanlingvajn gastojn. Ankaŭ aranĝita per helpo de GDR tiu presejo (la Tien-Bo-Presejo) estas vera ekzemplo de internaciismo: sur maŝinoj de GDR kaj el aliaj socialismaj landoj estas presataj libroj kaj jurnaloj en multaj lingvoj, kaj tiam sendataj al multaj landoj.

En la proksimeco de Hanoi ni jam estis vidintaj la polanvjetnaman lernejon, kiu estis severe domaĝita dum la bombatakoj. Feliĉe la infanoj estis evakuitaj longe antaŭe. Nun oni proponis al ni viziti la evakuitan lernejon, aranĝita helpe de GDR. Ni veturis al vilaĝo okcidente de la ĉefurbo. Tie eklogis la instruistoj kaj lernantoj dum somero de la pasinta jaro. La instruado tuj estis komencita. Dum la instruado la lernantoj komence sidis sur matoj, instruistoj kaj lernantoj loĝis ĉe vilaĝanoj. Dum la libera tempo ili elfosis tranĉeojn kontraŭ la fragmentantaj bomboj. Ili konstruis bambusajn dometojn por klas-, dorm-, kaj manĝĉambroj, tablojn kaj benkojn. Fiere ili montris al ni la fruktojn de sia laboro. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj kaj disigo de siaj familioj ili estis konfidemaj kaj bonhumoraj. Por honori la gastojn ili kantis kantojn; ni ne komprenis la tekston, sed la melodion de unu kanto ni tuj ekkonis; ili kantis en vjetnama lingvo: – „Thälmann neniam mortis".

Jes, la potenco de la amikeco, de la solidareco, de la internacia interligo – tio estis unu el la plej belaj kaj profundaj impresoj, kiujn ni kunprenis de nia restado en Vjetnamio. La ĉie videbla materiala helpo havas enorman praktikan signifon en la ĉiutaga batalo kontraŭ tiel riĉa kaj potenca kontraŭulo. Same kiel la ĉiam pli fortiĝantaj protestoj en la tuta mondo kontraŭ tiu ĉi fimorala milito, tiu materiala helpo ankaŭ havas potencan moralan efikon. La konfidenco de forto kaj venko de ĉi tiu nevenkebla popolo, kiu mirigas ĉiun vizitanton al Vjetnamio, devenas de tio: La popolo scias, ili sentas ĉiutage, ke en sia batalo, kiun ĝi kondukas por la libereco kaj sendependeco de ĉiuj popoloj, ili estas ĉirkaŭataj kun simpatio, la amo, la ĉiutaga amikeco de ĉiuj popoloj.

*(El: DDR – Jurnalo el la Germana Demokratia Respubliko) Trad. Esperanto Grupo Dresden*

---

**Nederlando:** 15 000 homoj demonstraciis en la stratoj de Amsterdamo.

**Norvegio:** Pli ol 500 homoj demonstraciis antaŭ la US-ambasadorejo en Oslo.

**Nov-Zelando:** La 21an de oktobro okazis interalie demonstracioj kontraŭ la militŝipoj ankrantaj en la haveno, ankaŭ unusemajna averta gardo antaŭ la amerika ambasadorejo en Velingtono. Plue okazis manifestacioj en Aŭklando (2000 personoj), Christchurcho, Palmerstono Nord, Dunedino kaj Hamiltono.

**Panamio:** La televizio faris rond-tablandiskuton pri Vjetnamio, en kiu partoprenis eminentaj personoj de l'publika vivo kaj konataj jurnalistoj.

**Peruo:** En la studenta kongreso en Limo la diskuto pri Vjetnamio estis la ĉeftemo. La sindikatoj de la lando ankaŭ estis alvokintaj je agadoj.

**Pollando:** Ĉiuj rondoj de la loĝantaro partoprenis en la solidarecagadoj kaj amasmanifestacioj.

**Svedio:** Miloj da homoj kunvenis en la plej granda parko de Stokholmo. Alia manifestacio, kunvokita per politikaj movadoj de ĉiuj tendencoj, okazis la 21an de oktobro vespere.

**Surio:** La nacia packonsilantaro publikigis rezolucion okaze de la 21a de oktobro, la tagon de la solidareco kun la heroa vjetnama popolo.

**Urugvajo:** Unu el la multaj aktivecoj estis „Round-Table-diskuto" je la 21a de oktobro.

**USSR:** Delegitaro, konsistanta el reprezentantoj de amas-organizaĵoj, transdonis en Moskvo al la US-ambasadoro petskribon, en kiu estas protestata kontraŭ la amerikaj agadoj en Vjetnamio.

**Okcidenta Berlino:** En trihora protestmarŝo tra la urbo, aranĝata de 32 organizaĵoj kaj grupoj partoprenis 15 000 ĝis 20 000 personoj. En la Libera Universitato okazis paroladoj kaj diskutoj pri Vjetnamio.

*Tradukita el la numeroj 11/12 1967 de „Perspektiven", la revuo de la mondpaca konsilantaro: Otto Leichert*

*Brutale la usonaj agresantoj traktas la Sud-Vjetnamian loĝantaron, okaze de la „purigaj agadoj".*
*Foto: Zentralbild*

*Post ĉiu aviadilatako de US-agresantoj la loĝantaro komune riparas difektojn*
*Foto: Zentralbild*

*La produktado de betontuboj por bombriluĝejo en DRV pligrandiĝis por plifortigi la sekurecon.*
*Foto: Zentralbild*









*Usona soldato premas pafilon al la tempio de vjetnama kamparanino por devigi ŝin doni informojn pri la FNL.*
*Foto: Zentralbild*

# „Kvin Hitler por Vjetnamio!"

New-York, 13an de oktobro:

Kvin similaj portretoj de Hitler: – interplektitaj brakoj, akra rigardo maldekstren direktita – vicigitaj flanko ĉe flanko en ses kolonoj kaj super ili, sur 4 linioj, per grasaj presliteroj, tiu titolo: „Ni bezonas 4 aŭ 5 Hitler en Vjetnamio" altiras la atenton en la hodiaŭa eldono de „New-York Times". Temas pri anonco de la „Komitato por haltigi la militon en Vjetnamio", kiu organizis la gravegajn manifestaciojn en New-York kaj San Francisco la pasintan 15an de aprilo, kaj kiu entreprenas la organizadon de la Marŝo al Washington estigota la 21an kaj 22an de la nuna monato. Sub la portretoj oni legas la sekvantan skribaĵon: „La aŭtoro de tiu citaĵo estas la ĉefministro Ky, la viro, kiu elspezigos, tiujare al vi 30 milionojn da dolaroj, la viro por kiu la registaro endanĝerigas la vivon de via filo. Vi havas viajn opiniojn pri tiu milito. Vi ne estas devigitaj silenti. Venu kun ni al Washington la 21an de oktobro. Vi ankoraŭ estas amerikanoj, ne forgesu tion."

La aŭtoro de tiu titolo estas generalo Nguyen Cao Ky, kiu deklaris, okaze de intervjuo, la 4an de julio 1965, al sro Brian Mohanahan, gazetisto ĉe la Londona „Sunday Mirror":

„Oni demandas min: Kiuj estas viaj herooj? Mi havas nur unu: Hitler. Mi admiras Hitler, ĉar li sukcesis unuigi sian popolon, kiam lia lando estis marasma, komence de la jaroj 1930. Sed la situacio ĉi tie estas tiel malesperiga, ke unu sola viro ne plu sufiĉus. Ni bezonas 4 aŭ 5 Hitler en Vjetnamio!"

*Trad. G. Roux*
*–C.R.–*

*La sekvantaj pacalvokoj aperis antaŭ unu jaro. Bedaŭrinde ili ne perdis je aktualeco post tiu ĉi tempo:*

# La pacalvoko el NAGASAKI



Hodiaŭ la urbo Nagasaki denove rememoras la malĝojegan kaj larmigan tagon de A-bombo. Je la 11-a 02 antaŭtagmeze la potenca eksplodo, kiu ekregis la tutan ĉielon super Uragami, forprenis la valorajn vivojn de centmiloj da civitanoj.

22 jarojn depost tiu tago la civitanoj de Nagasaki, kiuj per siaj propraj korpoj spertis senprecedencan teruron kaj mizeron, renovigas kiel ĉiujare okaze de tiu datreveno la indignon kontraŭ la milito kaj plifortigas preĝon por la Paco.

Sed tamen en la realo, la malamikeco inter Oriento kaj Okcidento daŭras senfine, ripetiĝas sanga konflikto inter la nacioj. La agresivaj nuklearmitaj ŝtatoj daŭrigas bomboproduktadon kaj provekplodojn, fieras pro siaj militpovoj. La sento de la monda krizo grandiĝas ankoraŭ pli, kaj eĉ momenta paco estas malpermesita. Tiamaniere la starigo de la mondpaco por la bono de l'homaro, kio estas nia sincera deziro, estas metita sub la minaco perdiĝi.

Ni civitanoj de Nagasaki, bazite sur malfeliĉa sperto kaj ankoraŭ nun daŭranta sufero, forte neas la militon kaj ne povas ne esprimi fortan indignon kaj malamon kontraŭ la produktado stokado kaj eksperimentado de nukleaj armiloj, kies celo estas nur la masakrado de l'homoj kaj la detruo de ĉio.

Malgraŭ tio ke nia celo, efektivigi eternan pacon, estas vere malfacile atingebla, ni ĵuras el nia tuta koro, ke ni faros nian eblon senlace kaj persiste sur la bazo de la homa saĝo por la efektivigo de vera mondpaco.

Aŭgusto 1967

*Urbestro de Nagasaki MOROTANI Joŝitake -C.R.-*

### La 22a DATREVENO DE A-BOMBA EKSPLODO

La malfeliĉaj memortagoj la 22an fojon revenis al Hiroŝima kaj Nagasaki. Dum la pasinta jaro denove 43 viktimoj en Hiroŝima, 106 en Nagasaki, mortis pro A-malsano. En Japanujo ankoraŭ nun estas pli ol 200,000 bombitoj kaj ilia duageneracio, inter kiuj troviĝas granda nombro da suferantoj pro A-malsano, al kiuj estas necese kuraci sin en hospitalo. Kompreneble ili povos enhospitaliĝi senpage, multaj el ili ne kuraĝas fari tion, ĉar ili, estante la ĉeflaborantoj de siaj familioj, ne povas forĵeti la laborenspezon.

Estas nature, ke en ĉi tiu jaro naskiĝis nova organizo de la A-bombitoj, kies devizo estas; unue, certigo de la kuracado helpe de la registaro, por ke ili povu esti en la hospitalo tute senzorge pri la vivo de siaj familioj; due, la unuiĝo de 3 organizaĵoj kontraŭ nuklea armilo, kiuj disiĝis pro la diferenco de siaj ideologioj, kio malgrandigis la forton de apelado al la publiko. Estas prave, ke inter la organizaĵoj nun naskiĝis la opinio pri la unuiĝo, kvankam por tuja unuiĝo ankoraŭ restas granda malfacilo.

Okaze de la 22a datreveno de l'A-bombo mi raportas al vi, la pacamaj geamikoj en la mondo, la naskiĝon de nova organizaĵo kaj pri jenaj du alvokojn de la urbestroj de Hiroŝima kaj Nagasaki, kaj petas vin, ke vi kuraĝigu ilin morale kaj materie.

*JUI Ĉunoŝin -C.R.-*

### Alvokas atommalsanulo

Jam pasis 22 jaroj post kiam la atombombo eksplodis sur nia urbo Nagasaki la 9 an de aŭgusto 1945. En 1947 min subite trafis malsano, kies kaŭzon neniu kuracisto klare sciigis al mi. De tiam, mi pasigis 20 jarojn eltenante suferojn kaŭzitajn de malsano kaj malfacila vivado. Mi suferis ankaŭ pro sociaj premoj kaŭzitaj de manko de kompreno pri atommalsano. Ekonomia kaj mensa vundoj, kiuj turmentis min dum la dudek jaroj, estis nepriskribeble gravaj,

sed mi ellasos la detalon, ĉar ĝi koncernas min persone. Mi skribos pri malsanoj kaŭzitaj de radioaktiveco por montri kiel terura estas atommalsano. Usono faris atombombon kaj eksplodigis ĝin sur ni, sed ĝi ne pensis pri kuracado de malsanuloj kaŭzitaj de atombombo. Post la eksplodo usona registaro fondis institutojn ABCC en Hiroŝima kaj Nagasaki, kiuj esploris atommalsanon, kolektis materialojn pri atommalsano kaj diagnozis, sed ne kuracis, nek sciigis la nomon de malsano al la paciento. En 1957 japana registaro konstruis hospitalojn por atommalsanuloj en Hiroŝima kaj Nagasaki, kaj komencis kuraci atommalsanulojn. Tamen mia sano estis jam neresanigeble difektita. En la lastaj dudek jaroj subaj malsanoj trafis min:

*Anemio pro malbona reprodukto kaj leŭkemio.* – Pro regreso de funkcio de spina medolo sango mankas al mi kaj la lumbo ofte doloras al mi.

*Trombopenio purpura.* – Purpuraj makuloj pro malmultiĝo de trombocitoj, subhaŭta sangado, dentokarna hemoragio, laciĝemo, kaj malbona vizaĝkoloro okazas al mi.

*Mediastina tumoro.* – Oni trovis la tumoron per rentgenfotografio kaj komplete kuracis ĝin per rentgenradiado. La tumoro en la interno de koro aŭ pulmo rabas vivon.

*Miksedemo.* – Manko de tiroida hormono kaŭzas tiun ĉi malsanon. Voĉo ne eliĝis kaj gorĝo facile difektiĝis. Mi facile malvarmumas kaj manoj kaj piedoj ŝvelas al mi.

Tiuj malsanoj turmentas min. Nun la koro terure malfortiĝas kaj nutrado estas malbona al mi. Ĉiutage 500 cc da nutra likvaĵo estas enfluigita en mian sangotubon. Jam du jarojn vitaminoj kaj aliaj medikamentoj estas gute injektitaj en ĉiu tago. Malgraŭ tia kuracado foje okazas paroksismo kaj spirado fariĝas malfacila. Dank' al injekto de medikamento por stimuli agadon de koro, la koro kvietiĝas al mi, sed absoluta trankvileco estas bezonata. Multaj konatuloj konsolas min „Rapide resaniĝu", tamen mi ne povas esperi resaniĝon kaj mortohoro proksimiĝas tagon post tago.
Tia estas la sanstato, kiun mi travivis kaj travivas.
La milito en Vietnamio daŭras eskaladi kaj kelkaj usonaj gvidantoj kiel Eisenhover eĉ postulas uzi atombombon. Ĉu multaj atommalsanuloj estos denove faritaj en Vietnamio? Ne! Neniam tia afero okazu! Ni estu la unuaj kaj la lastaj atommalsanuloj! Mi kore alvokas al pacamantoj en la mondo!
Malpermesu uzon, produktadon kaj konservon de atomarmiloj!
Neniigu ekzistantajn atomarmilojn!
Ĉesigu militon!

*Muta-sueo en Genbaku Bjoin (hospitalo por atommalsanuloj)*
*Katahuĉi-maĉi, Nagasaki Japanio* –C.R.–

## Iniciativo en kampanjo

„Ĉu oni ne povas iamaniere ĉesigi la militon en Vjetnamio?" Kun kolero kontraŭ la malhumana Usono, mi ĉiam tiel parolis kun mia amiko, kiu laboras en universitato.

Ni cerbumis, ĉu ni ne povas trovi ian taskon de ni fareblan, kaj fine ni ekhavis la planon pri sloganplato. Sur la blanka grundo de la plato estis ĉizitaj la vortoj; „Kontraŭ la Agreso en Vjetnamio".

Por la unua fojo ni faris tridek platojn kun la vortoj ĉizitaj en tri koloroj --- ruĝa, blua kaj nigra.

Ni neniam forgesis porti ilin sur la brustoj ĉie kaj ĉiam eĉ dum laborado. Al niaj konatoj ni petis surporti ilin. Post ne tiel granda peno la platoj estis elĉerpitaj kaj ili estis sinsekve faritaj po tridek. Foje en tramo iu nekonato deziris aĉeti de ni la platon kaj foje iu antaŭa aĉetinto faris al ni pluan mendon. Fine en la laborejo de mia amiko preskaŭ ĉiuj surportis la platojn. Antaŭ kelkaj tagoj mi rakontis la aferon al la membro de la Japana Demokrata Junularo, kaj li promesis al mi, ke ĉiu de lia grupo portos ĝin sur sia brusto kaj klopodos pri ĝia disvastigo. Ĉe tio ni estis ekscititaj de granda ĝojo kaj kune ĝojis esperante ke tiu ĉi malgranda centro de nia tajfuno fariĝus pli kaj pli granda.

Nun ni faras platojn po kvindek. Ĝi kostas sepdek jenojn kaj ni vendas ĝin kontraŭ cent jenoj. La tridek jenojn ni decidas sendi kiel subteno al la vjetnama popolo.

Ni deziras alvoki la publikon, ke en Vjetnamio la paco revenu kiel eble plej frue.

*Jamaguĉi Kajoko en Hukuoka (Japanio)*
*26 septembro 1967* –C.R.–

---

## Terura varmego.

En la kerno de termonuklea bombo regas varmego de ĉirkaŭ 350 milionoj da celsiusaj gradoj maksimume. Tio estas la plej granda temperaturo produktita per homoj. Eĉ en la periferia zono de la bombo la temperaturo estas ankoraŭ tiel granda ke la varmoradioj ekbruligas ĉion bruleblan kaj fandas metalojn en distanco de kelkaj kilometroj, kaj tio en sekunda rapideco.

*Foto: Zentralbild*





*Tiu ĉi juna enloĝanto de Hanoi gravleziĝis okaze de usonaj aviadilatakoj al densloĝita kvartalo HOAN KIEM*
*Foto: Zentralbild*

*Du el multnombraj japanoj, kiuj suferadas je la kaŝiranta „atom-malsano". Neniam li resaniĝos.*
*Foto: Zentralbild*

# DEKLARACIO de la Soveta Registaro al la Registaro de la (okcident-) Germana Federacia Respubliko (GFR)

*La vicministro por eksterlandaj aferoj de UdSSR V. S. Semjonov transdonis al la provizora afergvidanto de GFR en UdSSR, H.H. Sante, en decembro 1967, konekse kun la aktivigo de la militarismaj kaj novnaziaj fortoj en la okcidentgermana Federacia Respubliko la sekvan deklaron de la Soveta Registaro, direktitan al la Okcidentgermana Federacia Respubliko:*

Konsciante la responson, kiun la Soveta Unio havas por la atingo de la celoj, proklamitaj de la potencoj de la antihitlera koalicio en la konvencio de Potsdam, la Soveta Registaro opinias necesa, atentigi la registaron de la okcidenta GFR pri la danĝeraj flankoj de la nuntempa politika evoluo de la Federacia Respubliko. Ĝi sentas sin devigata ekspliki, ke estiĝas situacio, en kiu revenĝemo kaj militarismo okupas ĉiam pli grandajn regionojn de la socia kaj politika vivo de la okcidenta GFR kaj vekas rememorojn pri la antaŭ ne longe pasinta tempo, pri la historio de la kreskado kaj plifortiĝo de la hitlera faŝismo.

## NP – partitago – impertinenta provokado

(NP = nacidemokrata partio) En ĝia deklaro, transdonita la 28an de januaro 1967 al la registaro de la okcidenta GFR la Soveta Registaro jam atentigis averte pri la rapida plifortiĝo de la aktiveco de la novnaziaj kaj militismaj fortoj en la okcidenta Federacia Respubliko kaj persistis pri tio, ke oni decide faru finon al ilia agado. La en ĉi tiu deklaro menciitaj nenormalaj manifestajoj intertempe tamen ne estas forigitaj, ja, ili eĉ kreskas kaj plifortiĝas plue.

Ĵus la popoloj de Eŭropo fariĝis atestantoj de impertinenta demonstracio, kiu estis aranĝita de la posteuloj de la germana faŝismo sub la standardo de la partitago de la tielnomita Nacidemokrata Partio en Hanovro. En tiu ĉi urbo kolektiĝis novnazianoj de ĉiuj specoj el ĉiuj partoj de la lando, por fari la provon, rehonoratigi la krimojn de l'hitlera faŝismo kaj manifesti sian fidelecon al la rabaj celoj kaj klopodoj. Simile kiel Munkeno en la pasinta tempo, tiel Hanovro povas fariĝi simbolo por la insidakiro de la potenco per la novnaziismo. Kiel mirige tio ankaŭ sonas, tamen tiu kunariĝo okazis tute legale sub la protekto de oficialaj instancoj de la okcidenta GFR.

Altrudiĝas la demando: Per kio NPG akiris tian favoron ĉe la okcidentgermana publikaj estraroj? Per kiuj rimedoj la Nacidemokrata partio provas gajni la simpation de la loĝantaro, kiun direkton ĝi proklamas?

Antaŭ ĉio estas malkaŝe postulataj revizio de la eŭropaj limoj kaj anekso de teritorio de aliaj ŝtatoj. Kiel la gazetaro de l'okcidentgermana Federacia Respubliko raportis per grandaj fraplinioj, deklaris la gvidantoj de NPG en la partitago en Hanovro, ke ili aliigante la limojn „ne intencas sin subigi je certaj kondiĉoj". Ili ankaŭ deklaris, ke la ekzistado de aŭstra nacio ne trovas ilian aprobon; ili pretendas ankaŭ la nordan Italion (sudan Tirolion), la teritoriojn de la najbaraj landoj oriente kaj okcidente, norde kaj sude de la okcidenta FRG. La aventuremaj celoj de la novnazioj ne nur egalas al la plej frenezaj planoj de Hitler, sed superas ĉi tiujn eĉ en kelkaj rilatoj.

Kiom ajn la „ideologoj" de la nova nazipartio ankaŭ klopodas, ŝajnigi sin demokratoj kaj persvadi la loĝantaron, ke ili estus transprenintaj de la hitlera partio nur ties nazian koloron, la NPG ne sukcesos, vualigi sian nazian esencon.

## Kontraŭ la konvencio de Potsdam

La novnazioanoj provas demonstracie agi kontraŭ la potsdama konvencio. Pri tio atestas nekaŝite la primilitaj kaj politikaj tezoj de la NPG – programo, por kies preparo, kiel fariĝis konate, aktive kunlaboris oficiroj de la „Bundeswehr" (armeo de GFR).

La konvencio de Potsdam kiel konate planas la kompletan senarmigon kaj senarmeigon de Germanio, kaj la malpermeson de produktado de ĉiuspecaj armiloj por la milito. Sed la kreintoj de la NPG – programo eĉ ne estas kontentaj pri la hodiaŭ en Okcidentgermanio senbare farataj militpreparoj. Ili postulas, ke la „germana generalstabo" estu senkaŝe ree organizota, la mastrumado de la okcidenta GFR estu ankoraŭ pli energie aliformota al militpreparo, kaj ke estu kreota potenca armilindustrio.

La militavida militarismo de NPG estas ankaŭ konfirmita per tio, ke oni en la partitago en Hanovro cinike postulis, restarigi la „honoron" de la hitlerfaŝistaj perfortuloj kaj murdemuloj, eduki en ilia rabista tradicio novan generacion kaj certigi hegemonion al la „Bundeswehr".

La NPG – gvidantoj fanfaronas hodiaŭ senkaŝe pri tio, ke ilia partio en iom pli longa tempo ol jaro kreskis al preskaŭ la duoblo. NPG akiris 48 seĝojn en la landaj parlamentoj de ses okcidentgermanaj federaciaj landoj, kaj ili gajnis pli ol milionon da voĉoj de la okcidentgermanaj elektantoj. Tial la novnazianoj havas grandajn ambiciojn, ili jam antaŭe jubilas, ke al ili ĉe la venonta elektado malfermiĝos la pordoj de la federacia parlamento, la plej alta leĝdona organo de la lando.

Kiel klarigas nun la registaro kaj aliaj ŝtataj organoj de la okcidenta GFR tian aktivigon de la novnaziaj fortoj, malpermesitaj de la konvencio de Potsdam? Unuflanke oni sugestas la ideon, ke la novnazia partio estas nur malgranda grupo de „neplibonigeblaj demagogoj", kiuj ludas nenian nomindan rolon en la vivo de la lando, la novnazia movado en la okcidenta GFR estas nur sendanĝera esprimo de certa „radikalismo", kiel tia ankaŭ ekzistas en aliaj okcidentaj landoj.

## Postuloj de la novnazianoj respondas al revenĝemaj celoj de KDU/KSU

(Kristana - Demokrata kaj Kr.-Socia Unioj)

Sed la Nacidemokrata Partio estos parto de la hodiaŭa socipolitika ordo en la okcidenta GFR. Ĝiaj ŝtatreprezentantoj ne kaŝas esence, ke la postuloj de l'NPG NPG respondas al certaj celoj de la gvidantaj KDU/KSU, ke ili multrilate estas ĉerpitaj el eldiroj de la gvidantoj de tiu partio, speciale de la dekstra alo.

La NPG kunlaboras intime kun ĉiuspecaj ligoj, unioj kaj hejmlandaj unuiĝoj de klarekkoneble militista karaktero, kiuj havas sperton en organizado de revenĝemaj provokoj. Ĝi kunlaboras intime kun ĝisoste reakciaj partioj kaj gruparoj, kiuj estas variajoj de l'naziismo. La nombro de tiaj organizaĵoj en la okcidenta FR estas centoj.

## Programo de ampleksaj militpreparoj

La furiozado de la plej reakciaj, ŝovinismaj fortoj en la okcidenta GFR estas nenio surpriza aŭ spontanea. Ĝi estas la rekta rezulto de la oficiala politiko de la okcidenta GFR, kiu depost multaj jaroj konsistas en tio, ne rekoni la ekzistantajn Ĉúropajn limojn, postuli la aliron al nukleaj armiloj, pretendi la rajton de la sola reprezentado kaj starigi nepravigeblajn pretendojn pri Okcidentberlino, kiu kiel konate ne apartenas kaj ne apartenos al la okcidenta GFR.

Estas nekontesteble, ke la ĉefa zorgo de la registaro de la okcidenta GFR nun kiel antaŭe temas pri ampleksaj militpreparoj. Al ĉiuj estas konate, ke la federacia armeo („Bundeswehr") jam havas rondcifere duonan milionon da soldatoj kaj estas kreita kiel kerno de amasarmeo. La armiĝelspezoj de la okcidenta GFR forglutas proksimume triono de la ŝtata buĝeto.

La regantaj cirkloj de la okcidenta GFR celas ĉiam pli klare al tio, krei propran forĝejon de la plej modernaj armiloj. La Soveta Registaro disponas pri indikoj, laŭ kiuj, malobee al la konvencio de Potsdam-o en la okcidentgermana GFR estas produktataj plej modernaj tankoj, submarboatoj, ajutaviadiloj kaj aliaj armiloj. Sed politikistoj kaj militistoj de l' okcidenta GFR postulas ankoraŭ pli multe. Antaŭ ĉio ili serĉas vojojn kaj rimedojn, por certigi al la okcidenta GFR la kundisponon pri nukleaj armiloj. Ne pro ekzercado estas la federacia armeo ĉiam pli forte provizata per portiloj por nukleaj armiloj kaj ĝiaj anoj instruitaj konekse kun antaŭpreparoj al atoma milito. Ekzistas indikoj, laŭ kiuj la laboroj sur la tereno de raketkonstruado en la okcidentgermana GFR estas akcelataj kaj ĉiam pli grandaj sumoj estas disponigataj por fari armilteknikajn esplorojn kaj evolui la atomindustrion, kiu povas esti alikonstruota en mallonga tempo por nukleaj armiloj.

## Leĝoj por danĝerstato kaj militista diktatoreco

Nedisigebla parto de la militarigo, paŝo sur la vojo al faŝismigo de la okcidentgermana Federacia Respubliko estas la ĉiam plifortiĝanta ofensivo kontraŭ la plej gravaj konstituciaj rajtoj kaj liberecoj de la civitanoj de la okcidentgermana Federacia Respubliko. Al tiu celo servas ankaŭ la tielnomita leĝdonado por la danĝerŝtato, kiu nuntempe estas sur la tagordo de l'federacia parlamento. La senco de tia leĝdonado konsistas en tio, krei kondiĉojn por starigo de polica kaj militista diktatoreco kaj plene envicigi la loĝantaron en la preparoj de nova milito. Ne hazarde provokas la danĝerstata leĝdonado protestojn en vastaj rondoj de la publiko de la okcidentgermana Federacia Respubliko, sed estas samtempe kun nepretervidebla malpacienco atendata de la revenĝemaj kaj militaristaj fortoj de la okcidentgermana Federacia Respubliko.

Oficialaj personecoj de la okcidenta Federacia Respubliko asertas, ke depost kelka tempo estas sekvita „nova kurso", ke estas deklarita „nova priorienta politiko", kiu preskaŭ donas recepton, por sanigi ĉiujn nunajn malsanojn de Okcidentgermanio. Envere temas ĉe tio pri provoj provizi, la pli fruan rifuzon, rekoni la faktan situacion en Eŭropo, per nova afiŝo. Temas pri la provoj repoluri la malnovan politikon de militarismo kaj de revenĝemo kaj kelkrilate eĉ iri pluen ol la kreantoj de tiu ĉi politiko.

Jam la nura fakto, ke certaj rondoj de la okcidentgermana GFR opiniis konsilinda la plenumon de la „nova"orientpolitiko, vualite per frazajoj pri strebado al paco kaj interkompreniĝo kun aliaj ŝtatoj, komenci per solidigo de la novnazioj, estas verdikto kontraŭ tiu politiko.

## Bonn apartenas al la agresantoj

Tiuj rondoj en la okcidenta GFR, kiuj hodiaŭ ree nemalhelpite suriras la starlokon de l'naziismo, certe rigardas an-

---

**Malami tiranon ankaŭ povas serviluloj. Nur tiu kiu malamas la tiranion estas nobla kaj grandanima.**

Frederiko Schiller en „Kabalo kaj Amo"

kaŭ la nunan internacian situacion, dum kiu la popoloj ĉiam pli ofte estas kontraŭstarigitaj al agresoj kaj pirataj agoj de imperialismaj fortoj, kiel tauga por tio. La okcidentgermanaj politikistoj volas per tio, ke ili lasas al la novnazianoj movliberecon, senkaŝe montri, ke la okcidenta GFR staras en unu vico kun la hodiaŭ agantaj agres – kaj militfortoj kaj ke ĝi havas la intencon, ankaŭ estonte doni sian kontribuon al pliakriĝo de la internacia situacio.
Estas karakterize, ke la registaro de l'okcidenta GFR sub diversaj pretekstoj kontraŭas, en konvena interpopolrajta formo interŝanĝi kun la GDR sambaze kiel kun aliaj socialismaj landoj deklarojn pri la neapliko de perforto en la reciprokaj rilatoj. Ĉi tio substrekas denove la agresivan karakteron de la kontraŭ la socialisma GDR kaj la aliaj socialismaj landoj direktita politiko de l'okcidenta GFR.
Sed ĉu la politikistoj de la okcidenta GFR estas konsciaj pri tio, kion tiaj planoj povas sekvigi? La Germana Demokratia Respubliko estas kiel konate ligita per frataj ligrilatoj kun la Soveta Unio kaj la aliaj socialismaj landoj, krom tio tiuj rilatoj estas fundamentitaj per respondaj kontraktoj; ĝi apartenas al la konvencio de Varsovio. Ĉiu atenco al la sekureco de GDR egalus al atenco al la sekureco de ĉiuj socialismaj landoj, membroj de ĉi tiu defendorganizo, kaj sekvigus kompreneble neniigan revenĝon. Ĉu la popolo de la okcidenta GFR volas surpaŝi tian sinmortigan vojon?

## Arogo de l'sola reprezentrajto neakordebla kun rezigno pri perforto

Se oni en la okcidenta Federacia Respubliko fakte havas la intencon, normaligi la rilatojn al Sovetunio kaj aliaj socialismaj landoj, inter ili GDR, interŝanĝi kun ili deklarojn pri rezigno de perforto, ne ekzistas alia vojo ol agnosko de la ekzistantaj limoj en Eŭropo, la rezigno pro la arogo de Bonn, havi sole la reprezentrajton, ĉesigo de prinukleaj ambicioj, ĉesigo de atencoj pri Okcidentberlino, la unusenca konstato, ke la konvencio de Munkeno estis dekomence nevalida.
Ĝuste la respondecaj ŝtatpolitikistoj de la okcidentgermana GFR ne rajtas malatenti la nepridubeblan fakton, ke la popoloj, kiuj donis grandajn oferojn por la venko super la germana faŝismo, post la disbatado kaj senkondiĉa kapitulado de l'hitlerfaŝista regno, solene kaj firme deklaris sian decidecon, radikale forigi la germanan militarismon kaj naziismon kaj malebligi ilian reviviĝon. Ĉi tiu volo de la popoloj trovis sian esprimon en la decidoj de la konferenco de Potsdam, en la verdikto de l'tribunalo de Nurenbergo kaj en multaj decidoj de la aliancitoj.

## Gravega malatento de internaciaj konvencioj

Kiam la ŝtatoj de l'antihitlera koalicio faris ĉi tiujn historiajn decidojn, ili eliris de tio, ke la naziismo estas milito, ke la naziismo signifas sangan teroron kaj amaskrimojn ke por la naziismo ne estas aŭ ne rajtas esti loko sur la tero.
La Soveta Registaro trovas necese, memorigi pri tio, ke la konvencio de Potsdam intencis la senrestan neniigon de la Nazisocialista Partio kaj de ties suborganizoj, la nepran malpermeson, „de ĉiu naziista kaj militarista agado kaj propagando", kiel ankaŭ de la „naziistaj kaj militarismaj doktrinoj", de la neallasado de aktivaj nazioj al politika kaj socia aktiveco.
Estas necese, fari la demandon, kiel la ekzistado kaj senkaŝa aktiveco de la novnaziista Nacionaldemokrata Partio kaj de aliaj porfaŝismaj organizaĵoj en la okcidenta GFR estas akordigeblaj kun la menciitaj postuloj de la konvencio de Potsdam? Kiel oni povas klarigi tian gravan malplenumon de internaciaj konvencioj, kiuj estas devigaj por la okcidenta GFR kiel unu el la juraj posteuloj de la pli frua Germanio?

## Sabotado ek de la unua tago

Jam en la unuaj postmilitaj jaroj en Okcidentgermanio estis senkaŝe sabotataj la decidoj de la aliitoj pri la sennaziigo kaj demokratigo. Pli malfrue la publikaj estraroj en la okcidenta GFR nuligis ankaŭ formale la leĝon pri la malpermeso de la Nacisocialisma Partio. Samtempe pliakriĝis la persekuto de la progresemaj antifaŝismaj organizoj, kiel ankaŭ de ĉiuj, kiuj sin turnis kontraŭ la regadon de la militaristoj kaj revenĝistoj kaj batalis por demokrata renovigo de la politika vivordo en la Federacia Respubliko. La hontinda kulmino estis la malpermeso de la Komunista Partio de Germanio, kiu paŝas en la plej antaŭa vico en la batalo de la patriotaj fortoj kontraŭ reakcio kaj faŝismo, por paca kaj demokrata evoluo en la okcidentgermana GFR.
La sama linio pri persekuto de la demokratoj kaj pacbatalantoj, la kuraĝigo de la novnaziaj fortoj estas ankaŭ hodiaŭ observebla. Per tio la registaro de la okcidentgermana GFR surŝarĝas sin per grava respondeco kontraŭ la popolo de sia lando, kontraŭ la popoloj de aliaj eŭropaj ŝtatoj, kontraŭ la tuta homaro.

## Sovetunio elparolas severan averton

Konsiderante la danĝeran politikan evoluon en la Federacia okcidentgermana Respubliko la Sovetunio estas devigata, eldiri severan averton. Memorante pri la dekduoj da milionoj da oferoj, kiujn la popoloj kontribuis dum la lasta milito, la registaro de UdSSR rigardas efikajn rimedojn kiel nepre necesaj, per kiuj la senbridigitaj revenĝistoj kaj novnazioj estu bridigitaj kaj reviviĝo aŭ reorganizo de la germana militarismo kaj naziismo sur la tereno de l'Federacia okcidentgermana Respubliko estu efike malebligataj.
La Sovetregistaro eliras de tio, ke estas devo de ĉiuj partoprenintaj ŝtatoj de la konvencio de Potsdam, zorgi pri tio, ke senco kaj spirito de tiu konvencio estu strikte plenumataj sur la teritorio de la okcidenta GFR. Efika kontrolo pri la plenumo de la plej gravaj postuloj de l'konvencio de Potsdam, kiuj postulas ekstermon de l'militarismo kaj naziismo, estas necesa. La potencoj de l'antihitlera koalicio havas tiurilate devojn kontraŭ la popoloj de la tero.
La Sovetunio faros siaflanke ĉion eblan, por protekti la popolojn kontraŭ la intrigoj de la novnazianaj kaj militarismaj fortoj, ĝi same kiel aliaj pacamaj ŝtatoj faros la necesajn politikajn kaj aliajn aranĝojn, por ke estu malebligata evoluo, kiu povus konduki al estiĝo de nova centro de faŝisma danĝero en Eŭropo kaj endanĝerigi la mondpacon.
*(mallongigita)*

*Trad.: W. v. Waldowski*

---

**Subtenu la Mondpacan Esperanto Movadon (MEM)!**

**Abonigu la revuon „Paco"!**



# MAKSIM GORKIJ 1868-1936

## OKAZE DE LA 100-A DATREVENO DE LIA NASKIĜO

*„Homo – kiel fiere tio sonas!"*
*(Gorkij)*

„De sia plej frua infanaĝo li travivis la mizeron kaj la humiligon de la sklavigita proletaro kaj – kiel Dante eskapis el ĝi, sed ne sola – ne –, li kunkondukis kun si siajn kunsuferantojn kaj savis ilin".
*(Romain Rolland pri Maksim Gorkij)*

**La 18an de junio 1968 forpasis 32 jaroj, de kiam Maksim Gorkij, la granda poeto kaj batalanto, la genia fondinto de la socialisma realismo, por ĉiam formetis la plumon el sia mano. Ni rigardas kiel honorplenan taskon omaĝi tiun ĉi grandan bataleman humaniston okaze de la 100-a datreveno de lia naskiĝo.**
**Pri la neordinara, multspeca verkado de Gorkij, pri la neelĉerpebla riĉeco de lia kreoforto donu la sekvonta artikolo koncizan impreson.**

Kiam Aleksej Maksimoviĉ Peŝkov, kiu pli poste nomis sin Maksim Gorkij, naskiĝis la 28an de marto 1868, ĵus forpasis sep jaroj post la abolo de la servutaro en Rusujo. La estonta poeto naskiĝis en epoko, dum kiu la malriĉaj kampuloj devis suferi sub la sekvoj de la feŭdismo la plej kruelajn ekspluaton kaj subpremadon kaj dum kiu regis la „lupleĝoj" de la rapide evoluanta kapitalismo.
Kvaraĝa, la malgranda Aleksej perdas sian patron. Li venas al sia avo en sian naskiĝurbon Nijnij Novgorod. Kiam li estas dekjara, ankaŭ lia patrino mortas. La vivo en la domo de la avo, posedanto de tinkturejo, estas malfacila kaj malserena. La despota avo tiranas la kunloĝantojn. La unusola konsolo por la malgranda Aljoŝa estas la boneco de la



*V. I. Lenin kaj A. M. Gorkij (desegnaĵo de P. Vassiljev)*

*Foto: Zentralbild*





Foto: Zentralbild   *Maksim Gorkij pentrita de P. Brodski*   Foto: Zentralbild

avino, simpla rusa virino, kiu konservis bonan koron malgraŭ la malfacila vivo. Ŝi estas plena de sento por la popola poezio kaj havas sanan senson por la beleco de la rusa popola lingvo. Ŝi kapablas admirinde rakonti fabelojn. La estonta verkisto memoras pri ŝi precipe amplene en la volumo „Infaneco" de sia aŭtobiografia trilogio.
La senkompata konkurencbatalo ruinigis la entreprenon de la avo. Nur dekjara, Aleksej devas jam mem prilabori sian vivtenon. Li estas servoknabo, laboras kiel desegnisto, estas serviclavisto sur vaporŝipo, li eklaboras en laborejo de ikonpentristo kaj akceptas ankoraŭ multajn aliajn laborojn. La kuiristo sur la Volga-vaporŝipo „Dobri" vekas en la malgranda Aljoŝa la amon al la libro. Aleksej nur dum mallonga tempo vizitis lernejon, sed li lernis legi, kaj nun, post la stimulo per la kuiristo, li „glutas" senelekte ĉiujn librojn, kiujn li ricevas en la manojn. Sed tre baldaŭ li lernas diferencigi inter bona kaj malbona literaturo. Legante romanojn de Balzac kaj Flaubert, li sentas la valoron de tiaj libroj kaj komencas nun zorgeme elekti sian legaĵon.
Kun la intenco viziti universitaton kaj studi iras la 16jara Aleksej en la jaro 1884 al Kazan. Sian planon li ne povas realigi, ĉar en la cara Rusujo estis la universitatoj rezervataj por la infanoj de la bonhavaj tavoloj. Sed la juna Peŝkov konatiĝas kun revoluciaj studentaj rondetoj. Finfine li trovas laboron en bakejo. Pli poste rakontas Gorkij pri tiu turmenta, malfacila tempo i.a. en la rakonto „Konovalov".
En la popolo, kiu ribelas kontraŭ la neeltenebla obtuzeco de la ekzistado tiutempe komenciĝas fermenti. La proletaro pli konsciiĝas en sia batalo kontraŭ la carismo kaj kapitalismo. La „Batalligo por la liberigo de la laborista klaso", kreita en la jaro 1895 de Lenin, ligas la spontanean laboristan movadon kun la scienca socialismo. Per tio estas kreitaj la antaŭkondiĉoj por la gvidado de la laboristaj amasoj per revolucia partio. Komenciĝas nova etapo de la rusa liberiga movado.
Gorkij montras, ke la bona en la homo estas ofte nur surŝutita per la abomenaĵoj de la vivo dum la ekspluatista sociordo. Li igas travivi nin, ke malgraŭ la bruteco, krueleco kaj la neceso de la batalo por la nuda ekzistado ne perdiĝas la sento pri homdigno ĉe la plej malriĉaj el la malriĉuloj.
La tuta kreado de Gorkij el la tempo de la 90aj jaroj respegulas la klopodon de la rusa popolo al sociala liberigo. Lia revolucia romantiko estas optimisma, ĝi montras en la estontecon. La herooj de tiuj rakontoj ne agas nur por atingi pli bonan vivon; ili estas pretaj oferi sin por la popolo. Tiel agas Danko en la rakonto „La maljuna Izergil", kiu elŝiras la koron el sia brusto kaj per la brulanta koro montras al sia popolo la vojon el mallumo de la arbaro.
En la jaro 1902 estas Gorkij elektata kiel honora membro de la akademio de sciencoj. Sed laŭ ordono de la caro oni nuligis la nomigon. Ĉeĥov kaj Korolenko protestas kontraŭ tiu ĉi arbitro de la caro per la demeto de ilia membreco en la akademio.
En la jaro 1901 estiĝas la teatraĵo „Etburĝoj", en 1902 ĝi aperas sur la scenejo. La ĉefa figuro de la teatraĵo, la maŝinisto Nil, estas konscia laboristo, prezentita en konkreta historia ĉirkaŭaĵo. Tiel konvinkite, tiel venkkonscie kiel tiun laboriston Nil Gorkij prezentis ĝis nun neniun el siaj herooj. La realismo en la verkoj de Gorkij ĉiam pli proksimiĝas al la principoj de la socialisma realismo.
La dramon „Sur la fundo" oni prezentis en Germanio la unuan fojon en la jaro 1902, kaj ĝi havas egan sukceson. (Dum du jaroj oni ludas la teatraĵon 500foje). Gorkij, kiu estas jam de 1899 en Germanio konata kaj unu el la plej legataj verkistoj, tre interesiĝas pri tiu ĉi prezentado. Li skribas laŭdajn vortojn al la intendanto de „Malgranda Teatro" en Berlino, Max Reinhardt, kaj sendas sian fotografaĵon al la ensemblo, kiu entuziasmiĝas por la verko de la granda poeto.
En la fino de la 90aj jaroj Maksim Gorkij estas jam mondfama verkisto. Ne nur kiel artisto, sed ankaŭ en siaj politikaj opinioj li ege evoluis. En 1897 li komencas skribi por la gazeto „Iskra", en kiu Lenin aperigas liajn artikolojn. „Iskra" nomas lin „talenta parolanto de la protestantaj amasoj". Ĉirkaŭ la jarcentŝanĝo Gorkij havas kontakton kun la partia organizaĵo en Sormovo, laborista antaŭurbo de Niĵnij Novgorod.
La rusaj revoluciuloj nomas lin „procelario (ŝtormbirdo) de la revolucio". Gorkij estis atestanto de la „Sanga dimanĉo" la 9an de januaro 1905 en Petrograd. Petrogradaj laboristoj mar-

ŝis en grandegaj demonstraciaj kolonoj al „Vintra palaco", sidejo de la caro. Ili marŝis kun siaj edzinoj kaj infanoj, sen armiloj, portantaj ikonojn kaj portretojn de la caro por transdoni al li petskribon. Ili jam ne plu povis elteni la subpremadon kaj intencis peti la protekton de la caro, kredante al lia helpo. Kvankam la caro estis informita pri la pacema karaktero de tiu ĉi demonstracio, li ordonis pafi kontraŭ la sendefendajn homojn. La 9a de januaro finiĝis per kruela sangoverŝado.
La kredo al la boneco de la caro estis ŝanceligita. La amasoj de laboristoj komprenis, ke „rajtojn oni ne ricevas, sed devas ilin konkeri" (Nil en „Etburĝoj").
Gorkij rakontas tiun okazaĵon pli poste en la rakonto „La 9a de januaro". Unu tagon post tiu sanga dimanĉo turnas sin Gorkij per alvoko al la rusa popolo, en kiu li akuzas la caron pri murdado de pacemaj homoj kaj vokas al batalo kontraŭ la aŭtokratio. Sekve de tio oni arestas lin. En Petro-Paŭlofortikaĵo en Petrograd oni tenas lin en malliberecо. Sed ne nur en Rusujo estas Gorkij amata de ĉiuj honestaj kaj progresemaj homoj. Jam tiam oni amas kaj estimas lin en la tuta mondo. Ardaj protestoj fare de la demokratia publiko en Eŭropo aperas kontraŭ tiu ĉi arbitreca ago. Tiuj protestoj kaj precipe la iniciativo de la germana progresema intelektularo, kies alvoko „Savu Gorkij-on" portas la subskribojn de la plej elstaraj tiamaj germanaj scienculoj, devigas la caran registaron redoni al Gorkij la liberecon.
Baldaŭ post sia liberigo el la Petro-Paŭlofortikaĵo fariĝas Gorkij kunlaboranto de la bolŝevisma gazeto „Nova vivo", kiu fondiĝas per lia kunhelpo. Sub la titolo „Partia organizaĵo kaj partia literaturo" publikigas Lenin en tiu gazeto sian bazan verkon pri la partieco de la literaturo. En tiu gazeto aperas ankaŭ la artikolo de Gorkij „Rimarkoj pri la etburĝaro". (En la tuta kreado de Gorkij okupas signifan spacon la kritika pritraktado de la etburĝaro).
Gorkij aktive partoprenas la decembran ribelon en la jaro 1905 en Moskvo. Post la frakaso de la ribelo minacas al Gorkij nova arestado. Laŭ konsilo de la bolŝevistoj li forlasas Rusujon. Li vojaĝas trans Finnlando, Berlino kaj Parizo al Ameriko kaj ekkonas propraokule la eŭropan kaj amerikan imperialismon. Siajn impresojn li priskribas en la ciklo de satiraj felietonoj „Miaj intervjuoj" kaj en la skizokolekto „En Ameriko". En la felietono „Reĝo, kiu altenlevas sian standardon" primokas kaj senmaskigas Gorkij – ankoraŭ hodiaŭ aktuale – ne nur la spiritan malriĉecon, tipan por la reprezentantoj de la militavida germana imperiismo, sed ankaŭ ilian danĝerecon. Vilhelmo la IIa – li estas la „reĝo, kiu altenlevas sian standardon" – diras en la felietono: „La vera poezio . . . estas la poezio de la disciplino . . . Ne ekzistas pli bela poemo ol regimento da soldatoj!" Laŭ li soldato ne bezonas pensi, tion faras por ĉiuj li mem, la reĝo.
En la skizo „La urbo de la flava diablo" montras Gorkij ke Ameriko, salutanta la alvenantojn per la statuo de la libereco, jam de longe perdis sian liberecon, ke ĝi estas regata de la „flava diablo", tio estas la dolaro.
Ankoraŭ en la jaro 1906 dum sia restado en Ameriko skribas Gorkij la romanon „La patrino" kaj la teatraĵon „Malamikoj". Ekde sia apero „La patrino", la unua romano de la socialisma realismo de Gorkij kaj de la tuta mondliteraturo, edukis dekmilojn da revoluciuloj. Ĝi estas mondkonata. Per sia alta morala kaj arta esprimforto ĝi entuziasmigas milionojn da homoj.
En la jaro 1913 oni dekretas en Rusujo politikan amnestion. Gorkij povas reveni en sian patrujon. En la sama jaro aperas „Infaneco", tri jarojn pli poste „Inter homoj". Iam Gorkij diris, ke li rigardas necesa „bonan priskribon de la pasinteco kun la celo prilumigi la vojojn en la estontecon." En siaj aŭtobiografiaj rakontoj li sukcese faris tion. Kun malindulga vereco li priskribas la abomenaĵojn de la etburĝa vivo, vekas la malamon kontraŭ la kruelaĵoj de tiu ĉi estado kaj vekas la sopiron forigi iliajn kaŭzojn. „En nia vivo mirigas ne nur tio, ke en ĝi la tavolo de la kruda, de la brute-vulgara estas ankoraŭ tiel grasa kaj dika, sed mirigas ankaŭ tio, ke la bona, la sana, la krea, la humana venkoplene trakreskas tiun ĉi tavolon kiel ajn dika ĝi estu kaj konservas la neskueblan esperon je nia renaskiĝo al bela, lumplena, vere humana estado." Tiel skribas Gorkij en „Infaneco".
Post la venko de la socialisma revolucio pledas Gorkij per sia tuta forto por kulturrevolucio, por la starigo de socialisma kulturo. Per lia iniciativo fondiĝas la eldonejo „Mondliteraturo", kiu konigas al la grandaj amasoj de la rusa popolo la plej famajn verkojn de la okcidenteŭropa kaj amerika literaturoj.
Laŭ urĝa konsilo de Lenin vojaĝas Gorkij denove en la jaro 1921 eksterlanden por kuracigi sian malsanan pulmon. Proksimume du jarojn li travivas en diversaj germanaj kuraclokoj, ankaŭ kelkajn monatojn en la jaro 1922 en Heringsdorf ĉe Balta Maro. Hodiaŭ troviĝas en la „Vilao Irmgard", en kiu Gorkij loĝis, la Gorkij-muzeo. Ĉi tie Gorkij komencas skribi la lastan parton de sia aŭtobiografio.
En la jaroj 1924 gis 1928 vivas Gorkij denove en Italio en Sorrento. Dum la jaroj de sia eksterlanda restado li konstante kaj amikece kontaktas kun la plej diversaj homoj en Sovetio, ĉefe kun malnovaj kaj novaj verkistoj.
Jam komence de la 20a jarcento li menciis al Lenin kaj Lev Tolstoj sian intencon skribi romanon pri la vivo de generacioj de rusaj komercistoj. Tiu plano realiĝas, kiam en la jaro 1925 aperas la romano „La verko de la Artamanovoj". En tiu ĉi romano registras Gorkij la tempon ekde la abolo de la servuto (1861) ĝis la Oktobra Revolucio.
En la jaroj 1927 ĝis 1936 laboras Gorkij je sia plej ampleksa verko, la romanepopeo „La vivo de Klim Samgin". En tiu ĉi kvarvoluma monumenta verko kun la subtitolo „Kvardek jaroj" prezentas la aŭtoro bildon de la multtavola socia vivo en Rusujo ekde la fino de la 70aj jaroj de la pasinta jarcento ĝis la jaro 1917. Li donas profundan impreson pri diversaj ideologiaj kaj sociaj tendencoj de tiu tempo. Klim Samgin korpigas individualistan, egoistan tipon, kiu estas karakteriza ne nur por la burĝaj tavoloj de la tiama Rusujo, sed entute por la burĝaro de ĉiuj kapitalismaj ŝtatoj.
En la jaro 1928 tuj post la reveno en sian hejmlandon Gorkij faras vojaĝon tra Sovetio. Li vizitas multajn lokojn, kiujn li iam en la junaĝo piede tramigris. La aliiĝoj de la vivo dum la soveta regado entuziasmigas lin. Li fondas la gazeton „Niaj atingaĵoj". Liaj skizoj „Tra la Unio de sovetoj", kiujn li publikigas en la nova gazeto, estas himno pri la nova socialisma homo, kiu per sia krea laboro aliigas la teron. En „Dneprostroj" li skribas: „Ekzistas . . . poezio de subigo de la naturpotencoj per la forto de homa volo, poezio de riĉigo de la vivo per helpo de prudento kaj fantazio, ĝi estas majesta kaj tragika, ĝi vekas la volon al ago – ĝi estas la poezio de batalantoj kontraŭ la morta ŝtonigita realeco, poezio de kreantoj de novaj ideoj kaj formoj en la socia vivo."
Jam frue Gorkij ekkonas la danĝeron de la faŝismo. Li avertas la intelektularon en la kapitalismaj landoj, postulante de ĝi decidiĝon per la voko „Kun kiu vi estas, ‚majstroj de la kulturo'?" En siaj publicistaj laboroj li batalas pasie kontraŭ la imperiistoj, kiuj preparas novan militon. Li ĵetas al ili la vortojn: „Se la malamiko ne kapitulacas, li estos pereigata." Atente Gorkij observas la evoluon en la mondo kaj per sia protesto li enviciĝas ĉie, kie la imperiismo sin pretigas forigi la lastajn restojn de demokratio. Li protestas kontraŭ la proceso kontraŭ Johannes R. Becher kaj pledas por la liberigo de Ernst Thälmann.
Gorkij dediĉis sian tutan forton al la soveta ŝtato, al kiu li nemezureble helpis per sia arto, per sia publicista kaj ampleksa socia agado. Ĝis la fino de sia vivo Gorkij laboris senlace por la progreso, por la liberigo el la socia ekspluato en la tuta mondo. Li estis sentima batalanto kontraŭ mizero kaj milito. ▪

*Fragmento el „Maksim Gorkij" de Ilse Idzikowski, Germana Kulturligo 1966*

*Trad.: R. kaj D. Berndt*

# MUNKENO

Ĉio komenciĝis pretekste de ĉaso. Ĉio finiĝis post konversacio pri fiŝkaptado. Intertempe, Hitler venkis; Ĉekoslovakio estas vendita kaj mankas nur kvar subskriboj al la pakto de Munkeno, por ke estu distranĉita la lando, pri kiu Bismark diris: „Kiu ĝin tenas, Eŭropon tenas". De malproksime, la mondmilito preparis siajn kadavramasojn.

**La verda signalo lumas.**

En 1937, aŭtune, okazas internacia ĉasa ekspozicio en Berlino. Lordo Halifax iras tien. Tiu, kiu estas tiam vic-prezidanto de la ŝtatkonsilantaro de Britujo, estas rigardata, kiel la plej distingita reĝlanda vulpĉasisto. Tute normale, ke li vizitu ekspozicion plej altgrade interesan por li!

Envere, la vojaĝo de la lordo al Berlino estis sekrete diplomatie preparata. Ekspozicio estas nur preteksto. La 19an de novembro, Halifax, unu horon, renkontas persone Hitler kaj tre klare komprenigas lin, en la nomo de Sir Neville Chamberlain, ministroprezidanto, ke la angla registaro estus preta alianci kun Germanio laŭ „kvaropa pakto" (Anglio, Francio, Germanio, Italio), lasante al li „liberajn manojn en centra kaj orienta Eŭropo". Li precizigis, ke oni bone komprenis en Londono, ke ŝanĝoj estas necesaj en la statuto de la libera urbo Dancigo, en Aŭstrio kaj ĉekoslovakio, laŭ la naciaj petoj, sed oni deziris, ke tiuj ŝanĝoj „okazu laŭ paca evoluo".

Hitler bone komprenis: La verda lumo promesis koncesiojn rilate al ĉiuj liaj postuloj.

**Sur la stumpigita korpo de libera popolo.**

La 29an de septembro 1938, en salono de la „Führerbau" de Munkeno, Chamberlain kaj E. Daladier, prezidanto de Franca registaro, promenas parolante pri fiŝkaptado. Ili atendas la finpretigon de la akordo-teksto, kiun ili ĵus aranĝis kun Hitler kaj Mussolini. Je la unua kaj duono, la 30an de septembro, ili subskribas la kapitulacon de Francio kaj Anglio.

Hitler ĝojegas. Daladier estas maltrankvila. Li opinias, ke lia registaro dissplitiĝos, ke malamikaj manifestacioj akceptos lin ĉe lia alveno en Parizo. Chamberlain aspektas kvietigite. Mussolini klopodas plaĉi.

Unu el la kunlaborantoj de Chamberlain, Ashton-Gwatkin, iris renkonte al V. Matsny, ambasadoro de Ĉekoslovakio en Berlino kaj al Masaryk, alta funkciulo de Eksterlandaj Aferoj de Prago, ne akceptitaj ĉe la konferenco, kaj atendantaj en proksima salono: „Se vi ne akceptas tion, estos necese, ke, solaj, vi mem akordiĝu kun la germanoj", li diris.

Estas la 2a horo, matene.

Je la 9a, Ivan Maiski, ambasadoro de UdSSR en Londono, vizitas sian ĉeĥan kolegon, Jan Masaryk, kaj diras sian indignon pro la franca kaj angla sinteno. Masaryk, premegite, falas en liajn brakojn kaj tra siaj larmoj murmuras:

„Ili vendis nin, kiel sklavojn al germanoj, same kiel, iam, oni vendis nigrulojn al Ameriko".

En Parizo, Daladier, tute surprizita, ricevas aklamojn de „dekstraj" homoj kaj popolamasoj, kiuj kredas, ke paco estas savita. La gazeto „L'Humanité" indikas la perfidon. Bedaŭrinde, preskaŭ nur ĝi tiel agas. Kaj Gabriel Péri, kelkajn tagojn poste, diras al la deputitaro: – „Vi subskribis la malvenkon sur la stumpigitan korpon de libera popolo".

**„Verda plano"**

Inter la „ĉasa" vizito de Lordo Halifax en Berlino, la 19an de septembro 1937, kaj la konversacio en Munkeno inter fiŝkaptistoj, la 29an de septembro 1937, kio okazis? Kia fatala interrilato kondukis al tiuj gravaj konsekvencoj?

Hispanio estis fajra. Malproksim-oriento brulas. La 12an de marto, Hitler, senbatale, okupis Aŭstrion por ĝin aneksi al „Das Reich". Ribbentrop, germana ministro de Eksterlandaj Aferoj, tiutage estas en Londono. Oni ne forpelas lin. Oni aprobas lin, kiam li klarigas ke la „finaranĝo" de la aŭstria problemo estas bonega afero, kaj nun la pordoj estas malfermitaj al amikeco inter „reunuigita" Germanio kaj Okcidento. Londono estas trafita de bato. Ankaŭ Parizo.

La 17an de marto, la komisaro de Eksterlandaj Aferoj de UdSSR, Maxime Litvinov, deklaras okaze de gazetista konferenco, ke Germanio agis kiel agresanto, Li energie kondamnas ĝian agadon kontraŭ Aŭstrio kaj asertas, ke nun minaco pezas sur Ĉekoslovakio. UdSSR proponas la tujan esploron, inter la demokratiaj potencoj, de rimedoj taŭgaj por kontraŭstari la agreson. Parizo, Londono kaj Vaŝingtono oponas tiun kunvenon (24an de marto). Dum aprilo, franca-angla konferenco okazas en Londono. Chamberlain klarigas, ke nenio estas farebla, Ĉekoslovakio ne estas vivo-pova, fatale „Sudetoj" revenos al Germanio. Se la francaj reprezentantoj estus havintaj ian kontraŭstaran duonvolon, de nun ĝi fandiĝas kiel neĝo sub la suno. Komenciĝas politiko de rezigno, kiun Daladier mem difinos, la tagon de Munkeno, deklarante al generalo Stehlin, ano de sia sekvantaro: „Ĉio dependas de la angloj. Ni povas nur ilin sekvi."

Fine de la monato, konferenco okazas en Kremlin. Oni decidas antaŭsciigi Pragon, ke UdSSR estas preta, kun Francio, uzi la necesajn rimedojn-militplane inkluzive – por sekurigi Ĉekoslovakion se tiu ĉi petas tion. Tiu kuraĝigo instigas la ĉekojn al firmeco. Ili parte mobilizas. Chamberlain kaj Daladier protestas ĉe Hitler kontraŭ liaj aneksadema celoj.

Hitler, iomete mirigita de tiu reago – kiun li tute ne antaŭvidis – sed kio estis klarigebla pro la reagoj de la popolopinioj en Francio kaj Anglio, pro la sovetaj proponoj, malantaŭeniras. La 23an de majo, Ribbentrop asertas al la ambasadoro de Ĉekoslovakio en Berlino, Mastny, ke Germanio tute ne intencas agresi lian landon. La furioza agitado ekfunkciigita de la ministro de propagando Goebbels, kvietiĝas.

Sed Hitler sekrete ordonas al la komandantaro de la Wehrmacht prepari por la 1a de oktobro, atakon kontraŭ Ĉekoslovakio. Tio estas la verda plano.

**„Ĉe la klasoj nomataj konservativaj . . ."**

Klara estis la leciono de majo. Eblis halti la ambiciojn de Hitler. Kiam la

## 29AN

## DE SEPTEMBRO 1938

demokratioj laŭte kaj firme parolis, li cedis. La nacia diktatoro bone sciis, ke li ankoraŭ ne kapablis subteni militon. Ĉe la proceso de Nurenbergo, al la demando: „Ĉu la Reich estus atakinta Ĉekoslovakion en 1938 se la okcidentaj potencoj estus subtenintaj Pragon?", la germana marŝalo Keitel respondis: „Certe ne. Milite, ni ne estis sufiĉe fortaj. La celo de Munkeno estis forigi UdSSR el Eŭropo, gajni tempon kaj finpretigi nian armilaron." (. . . .) La kvaropa pakto ĝojegis la germanajn generalojn, ĉar ili ne sentis sin sufiĉe fortaj, tiumomente, por faligi la fortikaĵojn de la ĉeĥa limo kaj tiu afero estis por ili subjekto de grava maltrankvilo." La pariza kaj londona politikoj ne kalkulis kun tiuj realaĵoj. Anstataŭ rezisti, oni sin preparis al novaj koncesioj. Kial? En oktobro 1938, la gazetisto Pertinax skribas en „Nova Eŭropo": „Ĉe la klasoj nomitaj konservativaj, multaj homoj iris ĝis opinio, ke la socia danĝero superis la germanan danĝeron, ke la totalismaj landoj devas esti konsiderataj, kiel asekuro kontraŭ Moskvo, ke Adolf Hitler kaj Mussolini depone tenas nian civilizacion kaj ke milito kontraŭ ili okazigus ne rebonigeblan socian transturnegon".
„Pli bone Hitler, ol Popola Fronto" fariĝis la signaldiro de la franca burĝaro. Kaj por ke Hitler staru „bonflanke" estas necese lin flatlogi, helpi al preparado de milito de longe dezirata kontraŭ UdSSR.

**Surda, malrapida kaj mallaborema.**

Meze de julio, Hitler, bone informita pri tio kio okazis en Parizo kaj Londono, taksas la momenton taŭga por nova paŝo al sia celo. Li kriegas, ke se oni ne tuj finanranĝos la Sudet-aferon, li „rektagos". Chamberlain estas ekterurigita. La 26an de julio, li diras al la angla deputitaro, ke li sendas lordon Runciman al Prago pro peto de la ĉeĥa registaro, cele de arbitracio. Envere, Prago nenion petis. Chamberlain mensogis.
Tiu Runciman, preskaŭ sepdekjara, surda, malrapida kaj mallaborema, ne sciis la limojn de Ĉekoslovakio en Eŭropo: li estis ekstrem-konservativa kaj opiniis la ĉeĥan problemon duaranga. Laŭ li nur amikeco kun Hitler valoris. Runciman alvenas la 4an de aŭgusto en Prago, traktas kun la naciaj reprezentantoj de Sudetoj kies ĉefo estas tute je la servo de Berlino. Runciman, aprobita de Chamberlain malestime kondutas kontraŭ la ĉeĥoj, konkludas, ke la Sudetoj devas esti apartigitaj de Ĉekoslovakio kaj fordonitaj al Germanio, „cele de paco". Fine de aŭgusto, Hitler organizas gravajn militmanovrojn ĉe la ĉeĥaj limoj kaj fariĝas pli kaj pli minaca.

**La sekreto de Georges Bonnet**

UdSSR estas maltrankvila kaj firme decidita agi siapove por haltigi la hitleran ekspansion. La 2an de septembro, Litvinov akceptas la francan diplomatian aferŝarĝiton (la ambasadoro forestis), Jean Payart, kaj petas lin urĝe sciigi al la franca registaro ke, okaze de agreso kontraŭ Ĉekoslovakio, UdSSR estos honorligita al siaj kontraktoj laŭ la reciproka kunhelpa pakto subskribita inter Prago kaj Moskvo en 1935. Ĝi donus sian militan helpon. Sed la pakto kondiĉis, ke tiu helpo okazus nur se Francio, ankaŭ ligita kun Ĉekoslovakio per helpa pakto, agus milite kontraŭ Germanio. La soveta registaro deziris do koni la intencojn de la franca registaro kaj proponis tujan konferencon de reprezentantoj de sovetaj, francaj kaj ĉeĥaj staboj por fari la necesajn aranĝojn.
La soveta ambasadoro Maiski avertas Londonon pri tiu demarŝo. Sed, nekredeble, la franca ministro de eksterlandaj aferoj, Georges Bonnet, kaŝis la telegramon de Jean Payart al siaj registaraj kolegoj. Litvinov scias tion kaj decidas publikigi sian demarŝon. La 22an de septembro, li publikigas ĝin ĉe la Ligo de Nacioj en Ĝenevo. Li fortege atakas la agmanieron de Georges Bonnet.
Sed Parizo ne subtenas la klopodojn de UdSSR. La 22an de septembro, Chamberlain renkontis Hitleron en Godesberg, akceptis transdoni tion, kio estas fakte germana ultimato al Prago.
La 25an kaj 26an de septembro, franca-angla konferenco en Londono. Francio kaj Anglio decidas malakcepti la nazian ultimaton (nomitan memorando), same kiel faris Prago. Sed oni ekaŭdas, ke Hitler mobilizos la 28an de septembro. Terurego. Georges Bonnet kaj Chamberlain deziras tuj kapitulaci. Oni elturniĝas per mildiga propono, kiu tute trankviligas Hitleron. La 27an Chamberlain radio-elsende diras: „Estas terure, ekstravagance, nekredeble, ke ni estus devigataj fosi tranĉejojn kaj provi gasmaskojn pro kverelo en malproksima lando, inter homoj, pri kiuj ni nenion scias."
La unua sekretario ĉe la angla ambasadorejo en Berlino, Ivone Kirpatrick, kiu sciis la intencojn de Parizo pere de Andre-Francois-Poncet, franca ambasadoro, skribas:
„La francoj, Daladier inkluzive, firme deziras atingi akordon, je kiu ajn kosto. Ili estis terurigita homgrupo, kiu ne havis la plej malgrandan pentomordon partopreni la dispartigon de sia aliancano."
Por ne malplaĉi al Hitler, Francio kaj Anglio rifuzas al UdSSR partopreni la konferencon proponitan de Hitler en Munkeno. Winston Churchill skribos en siaj memoraĵoj: „La vero estas, ke la soveta propono (helpo al ĉeĥoj) ne ricevis respondon. Oni ne volis sin turni al rusoj kontraŭ Hitler. La okazintaĵoj sin sekvis kvazaŭ UdSSR ne ekzistus kaj poste ni tion multekoste pagis."
La pakto de Munkeno, subsigne de kontraŭsovetismo, estis por Hitler, entute venkinta, aklamita de la germana popolo subtenata de la generaloj ĝis tiam iomete terurigitaj sed trankviligitaj pro la sukcesoj, la decidiga signalo: London kaj Parizo estis „maturaj". La aventuro de la „plej granda regno": la mondmilito, bonkondiĉe povis komenci.

*—C.R.—*

---

**Se oni atingus da mondumeco pli ol oni meritas, tiam malboniĝus por homoj sia karaktero.**

Araba maksimo 7a jarcento.

# „Al Bertolt Brecht okaze de lia 70-a naskiĝtago"



*Foto: Zentralbild*

Li mortis la 14-an de aŭgusto 1956 en Berlin. Antaŭ 12 jaroj. Tamen li vivas hodiaŭ meze inter ni. Li figuris la konsciencon de sia epoko kaj nin admonas, ĝin figuri dum nia tempo. Kiam la sciigo pri lia morto atingis la homojn, la plej bonaj malsereniĝis. Same malsereniĝis, kiel je la 22-a de junio 1941, kiam la germana reakcio atakis Sovjetunion. La homoj denove travivis profundan doloron: La tamburinto por ĉiam eksilentis. Li naskiĝis en 1898 „filo de bonhavaj gepatroj" en Aŭgsburg, sed li „ne ŝatis la personojn de sia klaso", li transiris al la tendaro de la socialismo.

„Kvankam" – diris la burĝoj – „neniu kaŭzo lin devigis, tion fari!"

Kaj en tiu ĉi frazo kaŝas la tuta germana tragiko: La socialismo ne nur estas problemo pri sato aŭ malsato, sed de la kulturo.

Kaj en tiu ĉi frazo kaŝas la fiasko de la germana intelektularo, ĉar ĝia plejmulto ne ekpaŝis tiun vojon, kiun Brecht devis iri, por esti humanisto – justa, vera, granda homo kaj artisto. Li iĝis marksisto, ĉar Marks, ĉi tiu forpelita judo arigis per sia penso la tutan eŭropan pensadon kaj per tio kreis la dialektikan kaj materialisman pensmanieron – la plej altan ĝis nun produkton de eŭropa kaj per tio homa pensado.

Lia vojo estus devinta la vojo de plejmulto de la germana intelektularo. Sed Brecht ne estis unu inter multaj, li iĝis pioniro, „brava soldato en la liberigbatalo de la homaro".

Pro tio li estas malhonorigata kaj persekutata fare de la germana reakcio ankoraŭ nun.

Pro tio li estas amata flanke de laboristoj en la tuta mondo adorata flanke de artistoj, estimata de la mondo.

Ĉar li kiel homo estis grandioza kaj sincera kiel artisto.

Kie en la monda literaturo troviĝas artisto kiel ĉi tiu, kiu en tempo, kiu estis donita al li por vivi, devis malami: la mensogon, la militon, la malverigon, la faŝismon, la hipokritadon, la konvenciajn kaj „sciencajn" mensogojn, la spiritan ĥaosiĝon de la intelektularo la ŝajnmoralon de la burĝaro, la nacionalisman egoismon., la grupegoismon de asocioj kaj eklezioj, la barbarecon de la antisemitismo, la senamecon rilate la progreson – kaj, kiu ofte devis rigoramane forigi la fiajojn.

Kie en la mondo estas homo, kiu pro tio petis la pardonon de la postnaskitoj per sekvaj emociigaj vortoj:

Vi, kiuj vi aperos el inundo
en kiu ni mergiĝis,
memoru
kiam vi parolas pri niaj malfortoj
ankaŭ pri la malhela epoko, el kiu vi saviĝis.
Iris ja ni, pli ofte ŝanĝinte landojn ol ŝuojn,
tra la militoj klasaj, malesperigite,
kiam jen nur estis maljusto kaj ne ribelemo.
Samtempe ni tamen scias:
Ankaŭ malamo kontraŭ la malnobleco grimacigas la trajtojn.
Ankaŭ la kolero pri maljusteco raŭkigas la voĉon.
Ha, ni, kiuj ni planis prepari la grundon
por afableco
mem ne povis esti afablaj.
Sed vi, kiam estos atingite,
ke homo al homo estas helpanto, memoru
pri ni indulge.

*Walter Uhle*
*Trad.: Hans Eichhorn*

*Werner Rümpel,*
*ĝenerala sekretario de la*
*packonsilantaro de GDR*

# Nia vojo

La pasintaj jaroj konfirmis al ni: Neniu potenco de la mondo kapablas retroturni la radon de la historio. La batalo de la popoloj por paco, nacia sendependeco kaj estonteco konforma al ilia volo kreskas kaj ne plu estas haltigebla.

La Leningrad-a sesio de la Soveta Komitato por la protekto de la paco okaze de la 50-a datreveno de la proklamo de la dekreto pri la paco kaj la grava kunsido de la prezidantaro da la Tutmonda Packonsilantaro en le heroa urbo ĉe la Neva ilustre pruvis la kreskantan larĝecon, profundecon kaj unuecon de la movado de ĉiuj progresemaj homoj por la paco.

Ne neglektante nian gardemon, ni havas ĉiun kaŭzon agadi fidoplene kaj per ankoraŭ pli granda energio por nia humanisma celo.

Pro tio la pacmovado de la Germana Demokratia Respubliko daŭrigos sian aktivan kontribuon, por ke la fortoj de la paco en la mondo plue kresku kaj pliaj malvenkoj estu farataj al la imperiisma terampleksa strategio.

Estas la imperiismaj potencoj, antaŭ ĉio Usono kaj la okcidentgermana Federacia Respubliko, kiuj ne volas akcepti la realaĵojn en la nuntempa mondo.

Ili arogas al si senĉese sin enmiksi en la internajn aferojn de aliaj popoloj. Ili senskrupule uzas ĉiujn rimedojn por forigi la ekzistantajn faktojn el la mondo kaj disvastigi sian regadon, se necese ankaŭ per militista forto.

Ni vidas tion en Vjetnamio, en la Proksima Oriento kaj en multaj aliaj punktoj de nia terglobo, sed antaŭ ĉio ankaŭ en Eŭropo.

La registaro de la okcidentgermana Federacia Respubliko estas la ununura eŭropa registaro, kiu senkaŝe prezentas postulojn pri ŝanĝo de landlimoj kaj kiu faris la ŝanĝon de la teritoria „status quo" (ekzistanta stato) gvida motivo de ĝia politiko.

Kvankam la sinjoroj Kiesinger, Strauß, Brandt kaj Wehner ofte asertas, ke ili volas sukcesigi siajn planojn laŭdire nur per pacaj rimedoj, ili preparas sin al la perforta realigo de iliaj ekspansiaj planoj.

Kompreneble ĉiu prudenta homo scias, ke tia politiko de la ŝanĝo de la rezultatoj de la dua mondmilito povas sukcesi nek per pacaj nek per militistaj rimedoj. Sed la mania persisto en tiu ĉi delonge malsukcesinta politiko pro tio enhavas la konstantan danĝeron de nova milito.

Hodiaŭ la armiloj ja ankoraŭ silentas en Eŭropo, sed ĉi tie la eksplodo de milito tuj ekhavus terampleksan dimension.

Ni atribuas tian grandan signifon al la problemo de la paco kaj de la sekureco en Eŭropo en la batalo kontraŭ la imperiisma terampleksa strategio, ĉar ĉiu ŝanĝo, ĉiu evoluo en Eŭropo decide influas mondskale la fortoproporcion.

Kaj ĉar ĝuste sur germana teritorio la du mondtendaroj staras senpere unu kontraŭ la alia, la normaligo de la rilatoj inter ambaŭ germanaj ŝtatoj havas specialan gravecon.

La registaro de GDR, pro sia respondeco por la garantiado de la eŭropa sekureco kaj la defendo de la tutmonda paco, prezentis al la okcidentgermana registaro la projekton por la farado de traktato pri la normaligo de la rilatoj inter la du germanaj ŝtatoj. Tute laŭ la senco de la principoj kaj celoj de la internacia pacmovado ĝi enhavas la postulojn pri laŭpaŝa alproksimiĝo kaj pri paca kunvivado same kiel la rezignon pri perforto kaj pri la aliro al nuklea armilaro en ĉiu formo. Pruviĝis, ke tio estas ankaŭ konforma al la volo de plimulto de la okcidentgermana loĝantaro.

Ankaŭ en la Federacia Respubliko kreskas la fortoj, kiuj kuraĝe kaj decide laboras por interkompreniĝo, por normalaj kaj samrajtaj rilatoj al GDR kiel esenca problemo de la eŭropa malstreĉiĝo.

Sed intertraktadoj inter la reprezentantoj de ambaŭ germanaj ŝtatoj kaj samrajta kunlaboro antaŭkondiĉas la rezignon pri la revenĝema arogo pri sola reprezentado – la koncentrita esprimo de la Bonn-a ekspansia politiko.

Pro tio ni pluiros, ĉe la flanko de la interkompreniĝemaj fortoj en la okcidentgermana Federacia Respubliko, nian elprovitan vojon de paco kaj de malstreĉiĝo, evoluigos kaj subtenos proprajn agadojn, kiuj servas la normaligon de la rilatoj inter ambaŭ germanaj ŝtatoj, la plifirmigon de la eŭropa sekureco kaj la certigon de la tutmonda paco.

*Trad.: Dr. Karl Schulze, Berlin*

---

# Ĉu Kiesinger zorgas pri daŭra paco?

La 29an de aprilo la okcidentgermana kanceliero Kiesinger tute klare difinis la teritoriajn pretendojn de sia registaro kontraŭ la eŭropaj socialismaj landoj kaj precipe kontraŭ Pollando.

Rektaparole, la kanceliero deklaris: „Ni devas nin ŝarĝi per la heredaĵo de Adenauer", kio estas stranga maniero solene certigi la sincerecon. Tute same kiel la mortinta okcident-germana ĉampionego de la malvarma milito, lia postvenanto akuzas Sovjetunion "malpermesi la starigon de vera eŭropa paco" pro ĝia peto, al Bonnaj regantoj, agnoski la situacion naskiĝintan en Eŭropo fine de la dua mondmilito.

Kio estas laŭ S-ro Kiesinger la „vera eŭropa paco?" Tute simple, la likvido de la Germana Demokratia Respubliko „reunuigita" kun Bonn-Germanio, kaj la „repreno" de la „orientgermanaj teritorioj". Ĉar la sinjoro kanceliero de Bonn „ne akceptas rezignon pri la orientgermanaj teritorioj, kiel pagon ŝulditan de la germanoj pro milito komencita de Hitler kaj malvenkita de li". Honton al Hitler pro lia malvenkita milito kies fervora propagandisto ĉe la internacia nazia Berlina radio-dissendo estis s-ro Kiesinger, subordigita de Goebbels kaj Ribbentrop!

Tiel la kanceliero de Bonn postulis pri repago al Pollando, ĉar li „ne povas akcepti, ke repacigo estu determinita per unuflanke difinitaj antaŭkondiĉoj, ĉar tio estus agnosko de linio Oder-Neisse kaj fino de revenĝema politiko apogita per postulo de atoma armilaro por la „Bundeswehr".

Pro manko de „trudfini tiun maljustaĵon" faritan kontraŭ la okcident-germanaj monopoloj, kiuj estras la G.F.R. pere de Kiesinger, tiuj ĉi ne volas „finofaran pacan finaranĝon".

Post kio, S-ro Kiesinger petas la eŭropajn socialismajn landojn kaj precipe Pollandon „montri pli da komprenemon kontraŭ ni". Jen, difinita de la politikisto-ĉefo de Bonn, la „nova" politiko de „malfermo al oriento", politiko, fakte, tute konforma al „heredaĵo de Adenauer". Tute certe, tiu politiko ne faligos la „teruran malfidon, kiu apartigas nin de niaj orientaj najbaroj". Dum S-ro Kiesinger afekte pretendas parole faligi tiun malfidon, fakte, li daŭre klopodas ŝtopi ĝiajn truojn.

Tra la jarcentoj, respondas al Kiesinger Walther von der Vogelweide (1208):

„Kiam vi, en Germanio zorgos pri daŭra paco, tiam ankaŭ la fremdaj popoloj estimos vin".

*–C.R.–*

# Pri packunvenoj en la 52-a U.K.

Mi ĉeestis la kunvenon de MEM. Kiu scias, ĉu vole aŭ nevole la aranĝintoj de la kongresprogramo anoncis ĝin kiel kunvenon de la administro de MEM, kio estis la kaŭzo, ke ĝin vizitis nemultaj pacamikoj. Tamen, malgraŭ tio, la aŭditorio konsistis el diversnaciaj amikoj. La ĉeestantoj, aŭdinte la jarraporton de la prezidanto de MEM, k-do N. Aleksiev, unuanime akceptis deklaron en kiu oni emfazas: „... ke la plej grava tasko de ĉiuj pacamaj homoj, pli speciale la tutmonda pacama esperantistaro, estas batali plej energie, uzante ĉiujn eblajn formojn kaj kuniĝante kun neesperantistaj pacmovadoj kaj organizaĵoj sen diferenco de politikaj, religiaj, filozofiaj kaj aliaj konceptoj por plej baldaŭa ĉesigo de ĉiuj militoperacioj sur la tuta terglobo kaj restarigo de vera, neniam tuŝebla kaj neniam minacata tutmonda paco."

Kiom ĉi tiu deklaro diferencas de la vortoj de iuj gvidantoj de UEA, kiuj elokvente parolas pri homaj rajtoj, tamen tute ignoras la homajn rajtojn de vjetnama kaj arabaj popoloj, kiuj arde strebas al memstara ekzisto kaj socia progreso!

22 jaroj pasis depost tiu mateno je la 6a de aŭgusto 1945, kiam usona aviadilo ĵetis atombombon sur Hiroŝimon. Por rememori pri la 300.000 viktimoj, sub la prezido de la fama japana poeto I T O SABURO okazis dua kunveno de MEM en ŝiphotelo „Jan Backx".

La slogano, kiun oni legas en ĉiu eldonaĵo de Internacio de Militrezistantoj, tekstas jene: „Milito estas krimo kontraŭ la homaro. Ni do firme decidis ne subteni iun ajn militon kaj nepre luktas por forigi ĉiujn kaŭzojn de milito."

Do mi scivole transpaŝis la sojlon de salono „Yagi", kie la malnova esperantisto kaj militrezistanto ALF. TUCKER prezidis la kunvenon. Ni aŭdis la prelegon de J. ABILEAH pri reciproka kunlaboro kaj interkono inter araboj kaj judoj (en kadroj de zionisma reĝimo!) kaj la referaton de H.F. BING pri la situacio en Mezoriento. Estis strange aŭskulti en kunveno de militrezistantoj vortojn, kiuj fakte agnoskas la konkeraĵojn de israelaj militistoj. En la deklaro, kiun proponis S-ro BING, estis diversaj proponoj por „reguligo" de la mezorientaj problemoj, sed nenia propono por retiro de israelaj trupoj el Jerusalemo, el Siria kaj Egipta teritorioj.

Vere stranga nekonsekvenco! Nek la prezidanto de la kunveno, nek S-ro BING kontraŭdiris al la agitparolo fare de israela kongresano, kiu pasie defendis la militiron kontraŭ arabaj ŝtatoj. Lia cinika parolado memorigis al mi la paroladojn de Hitler, kiuj ĉiun militon kontraŭ iu ajn nacion deklaris kiel sindefendan.... Estis domaĝe aŭskulti S-rinon GRATTAPAGLIA el Italio, kiu opinias, ke la israelaj militistoj donacas civilizecon al senkulturaj araboj.

Ĉu tiel oni forigas ĉiujn kaŭzojn de milito?

*Ĥr. GOROV*
*–C.R.–*

---

**Oni klare vidas, kiam oni povas antaŭvidi la finon antaŭ la komenco kaj la celon antaŭ la vojo.**

Araba maksimo 7a jarcento.

# NE MUELU LA SEMAĴON!

Depost antikvaj tempoj la semisto estas simbolo de la vivo. Li ĵetas la semaĵon en la zorge preparitan teron por ke ĝi kresku kaj maturiĝu novan rikolton, por ke abundu pano kaj nutraĵo.

Vincent van Gogh pentris tiun ĉi semiston en sia malmilda forto. Li ne estas bela, sed li marŝas super la kampoj firmapaŝe kaj ĵetas la grajnojn en la sulkojn. Lia laboro estas apenaŭ atentata en la aktiveco de la mondo, kaj li mem estas simpla kamparano. Tamen li estas unu el la plej gravaj homoj en la lando, pli grava ol multaj, kies nomoj estas prononcitaj kun respekto.

Tiom fortesprima estas la pentro de paco kaj grava laboro, ke ĝi ŝajnas al ni plena de graveco ankoraŭ hodiaŭ en la epoko de la semomaŝinoj kaj traktorplugiloj. Kiom multe la grajno valoras kiel simbolo de la vivo kaj juneco, tion montras ankaŭ la protesto de Käthe Kollwitz dum la unua mondmilito kontraŭ la amasmortigo de la junularo:

**„La semaĵo ne devas esti muelita!"**

Tiel la semisto fariĝis alegorio por ĉiuj kiuj klopodas en pena kaj paca laboro por sekurigi la vivon.

Kaj tiel kiel la semisto disĵetas siajn grajnojn, jaron post jaro spite al la vento kaj bona aŭ malbona vetero, kaj eble kontraŭ pluvego kaj sekeco kaj subakviĝoj, tiel hodiaŭ multe da homoj nekonataj kaj nenomitaj dissemas pensojn kaj agojn destinitaj por savi la vivon.

Ne nur kontraŭ malbonvetero kaj naturaj katastrofoj sed ankaŭ kontraŭ la danĝero de la mekanismo kiu mortigas la amon de nia socio, strebanta al profito kaj sekvita de krizoj, senlaboreco kaj milito per apliko de atomaj kaj hidrogenaj bomboj.

„Nome ne estas pli granda krimo ol ne batali kie oni devas batali! . . . Homoj, mi petegas vin, ne kapitulacu senbatale!"

*Friedrich Wolff*

# DENOVE PRI 'NEŬTRALISMO'...

„Sinjorinoj kaj sinjoroj! . . . Eble vi atendas de mi ion oficialan, ion indiferentan, palan kaj senenhavan, kiel estas ordinare la oficialaj paroladoj. Tian parolon mi tamen ne povas doni al vi. Mi ĝenerale ne amas tiajn parolojn, sed precipe nun, en la jaro nuna, tia senkolora oficiala parolo estus granda peko de mia flanko. Mi venas al vi el lando, kie nun multaj milionoj da homoj malfacile batalas por libereco, por la plej elementa homa libereco, por la rajtoj de homo . . ."

Eble vi rimarkis, estimataj gelegantoj, per la citiloj, ke ĉi supraj vortoj ne venas el propra plumo. Ne, mi konfesas, ke mi uzis citaĵon el la festparolado de d-ro L.L. Zamenhof dum la inaŭguro de la 2-a Internacia Kongreso de Esperanto en Ĝenevo.

Aliloke ni legas en la verkaro de Zamenhof:

„. . . . Terura milito nun ekkaptis preskaŭ la tutan Eŭropon. Kiam finiĝos la grandamasa reciproka buĉado, kiu tiel forte malhonoras la civilizitan mondon . . . .?".

Kaj ankoraŭ: „. . . . Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas pacon. Ĝi ne atendas kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj . . . ."

Strange, ke ŝajne oni emas ofte forgesi la sintenon de la kreinto de niaj lingvo kaj movado pri la grandaj eventoj de la homara vivo, al politiko. Kontraŭe – kelkaj „samideanoj" ne nur forgesas la opiniesprimon de Zamenhof, sed eĉ impertinentas reglementi aliajn pri la sinteno de „vera samideano".

Kiaj do estu tiaj „samideanoj"? Kiu vere rajtas esti nomita „esperantisto"? Siatempe diris Zamenhof pri la idea enhavo de Esperanto: . . . Tiu ĉi ideo vi ĉiuj sentas ĝin tre bone – estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Tiu ĉi ideo akompanadis Esperanton de la unua momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo . . ."

Kaj hodiaŭ? Hodiaŭ tiuj esperantistoj, kiuj sindone kaj malegoisme batalas por frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj, estas stampitaj kiel politikuloj fare de diversaj internaciaj organizaĵoj', endanĝerigantaj la unuecon de la movado. Tiel okazis dum la lastaj kongresoj de UEA . . . .

Mi demandas: Unueco je ĉiu prezo anstataŭ bazaj principoj? Financa bonfarto aŭ spirite sana movado?

Kiu hodiaŭ ne volas, ke la slogano -„Esperanto- grava rimedo por frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj"-restu senenhava vorto, kiu perdiĝas en la eternecon de la spaco, tiu devas ĝin apliki en sia ĉiutaga vivo. Okaze de grandaj politikaj obstakloj, okaze de vivminacaj militoj devas evidentiĝi, kie staras la esperantistaro. Ĉu sur la flanko de la partio por frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj, aŭ sur la flanko de la kontraŭo?

Dum la nuna tempo klariĝas, kie la idealoj de nia movado ne nur restas senenhava slogano, sed karniĝas al akra rezisto kontraŭ perforto kaj agresivaj militoj. Kiu parolas pri paco kaj kantas la himnon de la paca, popola interkompreniĝo kaj samtempe preter vidas la fakton, ke en Vjetnamio siaj propraj „samideanoj", esperantistaj gefratoj, mortas por la libereco pro la batalo justa por sendependeco, memdecidrajto kaj suverenco de sia lando, kaj silentas, tiu ne plu havas la rajton esti nomita „samideano", kaj eĉ esperantisto.

Kelkiuj rezignis kaj diras: Kiom validas mia voĉeto? Al ili mi vokas: Multaj voĉetoj iĝos tondro. Kaj aliflanke, diru al mi, kio okazus, se ni prisilentus ĉiujn krimojn? Kio okazus, se ne la tuta mondo protestus kontraŭ la Usona agreso en Vjetnamio? Ĉu la milito troviĝus ankoraŭ en tiu stato kiel ĝis nun?

---

*Vincent van Gogh: „La semisto"*
*Foto: Zentralbild*

*Litografio de Käthe Kollwitz „panon"*
*Foto: Zentralbild*

Tiu ĉi laboro estas tiom malfacila aŭ eĉ pli malfacila ol tiu de la kamparano. Ĝi postulas tiom da kuraĝo, diligento kaj forto, ĝi estas tiom minacata kiel la juna semaĵo sed ĝi estos plenumita kaj tio ĉi estas decida.

Tial ambaŭ devas esti kune:

La paca semisto de van Gogh kaj la averto de Käthe Kollwitz:

**„La semaĵo ne devas esti muelita!"**

*Hp. Stockhaus*
*Trad.: Willy Vildebrand*





Kelkiuj denove averte grumblos: Tio estas politiko, en Esperanton ne enpenetriĝu io neneŭtrala!

Sed memoru la historiajn faktojn: Ankaŭ en la jaro 1933 parto el vi estis neŭtrala kaj por savi la movadon eĉ provis kunlabori kun la faŝisma reĝimo. La laboristaj neneŭtralaj Esperantoorganizaĵoj pro sia klara mondkoncepto jam estis malpermesitaj kaj nelegale batalis. Tiam kelkaj el la „neŭtralaj samideanoj" ankoraŭ ne prudentiĝis kaj forĵetante la lastajn skrupulojn, provis adaptiĝi al la faŝisma sistemo. Tamen la movado plene fiaskis dum tiu tempo. Kiel multaj germanoj ankaŭ multaj esperantistoj restis indiferentaj, kiam la komunistoj kaj aliaj saĝuloj avertis pro la faŝismo. Esperanto super ĉio! Esperanto je ĉiu prezo! Jen la sloganoj de la „neŭtraluloj"! Ĉu tio malhelpis la kolapson? Ĉu ne estus estinte pli prudente ekde la komenco kune kun aliaj demokratiaj potencoj kontraŭstari la rasismon? Ĉu tiam ne „neneŭtraleco" estus estinta pli bona servo al la esperantista movado?

Kaj nun mi metas antaŭ vin la demandon: Kion vi hodiaŭ faras kontraŭ la kruela milito en Vjetnamio? Kion vi faras kontraŭ la novfaŝismo en la okcidentgermana ŝtato? Ĉu vi denove deziras resti „neŭtralaj?"

Ni devas havi fortan pozicion, alie nova milito ne nur minacos nian vivon, sed ankaŭ niajn bonajn intencojn, kiujn ni volas efektivigi per Esperanto. Kia movado ĝi estus, kiu celas pacon kaj popolinterkompreniĝon, sed prisilentas, demandojn, kiuj kontraŭagas la proprajn celojn kaj eĉ aferojn, kiuj endanĝerigas la propran ekziston?

Kia movado esperantista ĝi estas, kiu trankvile kongresas kaj „forgesas" eĉ pensi pri la tielnomitaj „samideanoj", pri niaj amikoj-esperantistoj, suferantaj en Vjetnamio?

Ĉu tiamaniere efektiviĝas la internacia solidareco de la esperantistaro? Ŝajnas, ke avantaĝe al tre dubinda neŭtraleco oni – t.e. parto de la burĝa Esperantomovado -pretas oferi eĉ relative fortan kaj aktivan asocion, nome tiun de Norda Vjetnamio. Sed, kiu metas sian kapon en sablon, tiu estas en danĝero, ke oni fortranĉas la kolon.

Nia granda dramisto Bertolt Brecht trafe diris: „Eĉ komercisto por lano devas, krom malkare aĉeti kaj kare vendi, zorgi pri tio, ke la komercado kun lano povas okazadi sen malhelpoj."

Vi ĉiuj scias, ke la esperantistoj de la Germana Kulturligo en la Germana Demokratia Respubliko jam ekde la organiza fondo agis en la plena senco de la internacia solidareco kiel vera „samideana" unuiĝo.

Per nia ŝtato, ni la esperantistoj en la GDR, havas ĉiujn eblecojn efektivigi la celimagojn de la kreinto de Esperanto, de d-ro Zamenhof pri mondo sen militoj. La ekstera kaj interna politikoj de nia ŝtato plene trafas la kernon de la Zamenhofa postulo pri „justeco kaj frateco inter la popoloj". Kial do kelkaj esperantistoj ankoraŭ ne volas kompreni, ke Esperanto per si mem ne malhelpas militojn? Kial ili ankoraŭ kredas je la militevita efiko de Esperanto? Kial ili ankoraŭ vivas en nuboj kaj ĉasas nebulozajn fantomojn?

Ni uzu nian Esperanton sur la reala socia bazo de nia ŝtato, subtenante la ĉiuflankan socialisman konstruon de nia lando, kaj baldaŭ vi mem ekkonos, ke ĝuste tia agado plene koincidas kun la idealoj de Zamenhof.

Nur tiu estas „samideano" en la senco de la vorto, kiu kiel aktiva pacbatalanto uzas siajn specifajn rimedojn por la interkompreniĝo de la popoloj en la senco de la Paca Kunekzistado kaj per ĉiuj fortoj protestas kontraŭ militoj nejustaj.

Tiu, kiu lernis la lingvon, volas esti nomita „samideano", sed uzas Esperanton nur por ĝi mem, vivas en danĝero, iutage havi la okazon serĉi sian esoteran movadon sub ruinoj radioaktivaj.

Mi preferas esti nomita „neneŭtralulo", sed aktive uzi Esperanton por la batalo kontraŭ militoj.

Mi diras al vi per la vortoj de Bertolt Brecht: „Kiu ne scias la veron, tiu nur estas stultulo; sed kiu scias ĝin kaj ĝin nomas mensogo, tiu estas krimulo!" Alie dirite per la vortoj de sia ekscelenco s-ro ambasadoro de nia GDR en la popola Respubliko Hungario, kiujn li direktis al la 51-a UK: „La agado por la paco nur tiam havas sencon, kiam ni prenas partion de la paco!"

**Konkludoj:**

1. Laŭ d-ro Zamenhof la esenca trajto de nia movado estas la batalo por frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj.
2. Ni ne volas, ke oni nur teorias pri paco, dum kiam oni praktikas militon. Pro tio ni plenkore aprobas kaj subtenas la politikon de nia socialisma ŝtato, kiu per ĉiuj siaj fortoj batalas por la Paca Kunekzistado inter ĉiuj ŝtatoj, efektivigante per tio la revon de d-ro Zamenhof pri mondo sen militoj.
3. Ni ne povas resti neŭtralaj rilate al militoj nejustaj, nome agresivaj. Ni neniam sindetenos, kiam temas pri helpo al subpremita popolo. Ni neniam silentos, kiam ni ekscias, ke ie en la mondo nova milito prepariĝas. Ni ne estas neŭtralaj rilate la gardadon de la Homaj Rajtoj.
Ni ne nur ne estas neŭtralaj, sed plenforte subtenas ĉiujn progresemajn homgrupojn en la mondo, celantaj la Pacan Kunekzistadon.
4. Aktuala precedenco por 1–3 estas la kruela, perforta milito en Vjetnamio. Pro tio ni plene apogas la justan batalon de la vjetnamia popolo por ĝia liberiĝo kaj akre kondamnas la fiagadon de la Usona imperiismo. Ni postulas ke Usono severe sekvu la postulojn de la Ĝeneva Interkonsento kaj ne plu enmiksiĝu en la internajn aferojn de aliaj popoloj.
5. Samtempe ni ne povas pretervidi la fakton, ke la aliancano de Usono en Eŭropo, nome la okcidentgermana ŝtato estas fokuso de nova milito en Eŭropo. Kiel veraj samideanoj ni ne silentas, sed per ĉiuj rimedoj kontraŭstaras la militdanĝeron, traktante tiun agadon plej nobla por esperantisto ĉar ni memoras la frazon de Zamenhof: „. . . . La interna ideo de Esperanto estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj . . ."!

*Hans Eichhorn*

## Por pace vivi!

**Sen ĉese ni luktu**
**Sen time tranĉadu**
**Suĉbrakojn de l'polpo**
**Kiu en la mondo**
**Puŝadas gefratojn**
**En fratajn militojn.**
**La paco-promeso**
**De polpo perfida**
**Estas la tombpaco**
**Per milit'frateco!**

**Popoloj vekiĝu!**
**Ne timu, batalu!**
**Nur kiam alvenos**
**La morto de l'besto**
**Ĝojvivi vi povos**
**En paca mild-nesto.**

Ch. Gautier

La vjetnama milito puŝis min tion verki.

# ESPERANTO DEVAS SERVI AL LA PACO

Ni scias ke la deziro konservi la pacon en la mondo estas tre serioza ankaŭ ĉe la junaj kaj maljunaj Esperantistoj en la okcidenta mondo. Per la regado de Esperanto ili havas la eblecon informi sin multflanke kaj korekte.

Des pli ni miris, ke ni legis en la junular-informa sciigilo „Koncize" n-ro 3, novembro/decembro 1967, paĝo 7 sekvantan alvokon:

*„Helpo al Israelo. Ĉu vi jam ĝiris monsumeton al la poŝtĉekkonto 544 77 en Karlsruhe (por: Germana Esperanto-Junularo, 44 Münster) por helpi Israelon, kiu suferis militon postulitan de la araboj? Ne forgesu tuj sendi monon, kiu ja devu malgranda otero . . ."*

„Koncize" estas la „Komuna sciigilo" de la belga, franca, nederlanda kaj okcidentgermana Esperanto-junularo.

Se ankaŭ la legantoj de „Koncize" volas agi ĝuste, necesas ke ili utiligas la eblecojn, kiuj estas donitaj al ili per la Internacia Lingvo, por informi sin ĉiuflanke pri ĉiuj problemoj de okazaĵoj en la mondo. Tiamaniere por ili estos pli facile ekkoni la veron kaj fari ĝustajn konkludojn. Tiam ili ankaŭ povos ekkoni la veran rolon de la nunaj regantoj de Israelo, pripensi tion kaj agi ĝuste en la intereso de la paco.

Se la Esperanto-junularo de la kvar nomitaj landoj alvokas pro helpo al Israelo, tiam ili montras solidarecon al la malĝusta flanko. Tial, ĉar estas konate, ke Israelo atakis la arabajn landojn. Ne estis atakitaj israelaj teritorioj, sed estis arabaj teritorioj, kiuj estis okupitaj de israela militistaro. Ne estis israelanoj, kiuj estis forpelitaj de ilia hejma fundo, sed estis araboj, kiuj estis forpelitaj per senindulga potenco de sia propra fundo, kiuj devis forlasi siajn hejmojn kaj sian hejmlandon.

La israelanoj forpelis sole el la relative malgranda anguleto, kiun ili povis okupi de la Suria Araba Respubliko, pli ol 100 000 Surianojn, pri kio la aŭtoro de tiu ĉi artikolo mem povis konvinkiĝi en Damasko.

La de Hitler persekutitaj kaj la multaj de la nazioj murditaj judoj ne estas kompareblaj kun la de la imperiistoj subtenata Israelon reganta grandburĝaro. Ekzistas principa diferenco inter la de Hitler persekutitaj, turmentitaj kaj murditaj judoj kaj la nunaj regantoj de Israelo. Ili estas ekzakte tiaj senkompataj landrabistoj, kiel estis la Hitler-faŝistoj. La nazioj perforte forprenis havaĵojn kaj homojn kaj elrabis aliajn popolojn sen rajto kaj sen leĝo. Kiu ne submetis sin, estis malliberigita aŭ ekstermita.

Pri la agreso de Israelo la pacamiko, Husen Mohamed Al-Amili en Bagdad, eldonis en Esperanto ampleksan materialon el ĉiaspecaj dokumentoj. Per tiu ĉi materialo estas facile konvinkiĝi pri la historia vero.

Israelo skandale malobeis la interpopolan juron. Ĝi nur povis ekataki la Arabajn Popolojn, ĉar ĝi havis la plenan subtenon de la imperiismaj ŝtatoj, Usono, Anglio kaj Okcidentgermanio, preparante la militon kaj dum la atako.

**„Senarabiigo" de post la fondo de la ŝtato Israelo.**

Ne nur ekzistas araba dokumentado. En esplorajo pruvas la „Bonner Korrespondenz" de junio 1967, ke de post la fondo de la ŝtato Israelo la „senarabiigo" estas ero de la politiko de tiu ĉi ŝtato. Laŭ ĝi la nombro de la fuĝintoj kreskis de 750 000 en la jaro 1948 al 1,3 milionoj. La valoro de la forrabitaj arabaj havaĵoj jam 1961 estis taksita je pli ol unu miliardo da dolaroj. Plue la „Bonner Korrespondenz" raportas, ke la araboj devis devige forlasi 75 000 loĝejojn, 100 000 laborejojn, 350 vilaĝojn kaj areon da 300 000 hektaroj.

La parto de la naftoproduktado de la mondo el la arabaj ŝtatoj estas 30 %. Sed ankoraŭ pli signifoplenaj estas la naftorezervoj de tiuj ĉi landoj. Nafto fariĝis la plej avidata krudmaterialo de la mondo. Speciala incito donis al la naftomonopoloj sur la arabaj teritorioj per la malaltaj produktadaj kostoj kaj salajroj, kiuj garantias al ili maksimumajn profitojn.

Ekzemple kostas la produktado de unu tuno da nafto en Usono 8.31 dolaroj, sed en la Proksima Oriento nur 0.004 dolaroj. La salajroj de la arabaj laboristoj estas sesoble ĝis dekoble pli malaltaj, ol de naftolaboristoj en Usono. Pri tiuj ĉi kondiĉoj la naftomonopoloj atingas ĉirkaŭ dekfoje pli altajn profitojn ol en Usono, kie ili realigis profiton po naftalaboristo de ĉirkaŭ 5000 dolaroj jare. La nafto, produktita en la kapitalisma mondo, estas vendata je unueca prezo, kies bazo estas la produktadkostoj en Usono mem. Tiamaniere la naftomonopoloj en la Proksima Oriento povis atingi grandegajn profitojn.

Tial estas kompreneble, ke la arabaj ŝtatoj deziris partopreni pli favore en la ekspluatado de ilia naftoriĉaĵo. Unu el la formoj ekzemple estis la efektivigo de la altigo de la transittarifo por nafto flanke de la registaro de la Suria Araba Republiko aŭ la pli granda partopreno en la profito flanke de Irako.

Jam per tiu ĉi evoluo en la arabaj landoj la naftomonopoloj timis danĝerigitaj siajn mamutprofitojn. Tial ili kaj iliaj registaroj ekkonstruis Israelon kiel apogpunkton por agreso. De tie ili volas malprogresigi kaj malhelpi progreseman evoluon en la arabaj ŝtatoj.

Dum la Palestina-milito inter Israelo kaj la Araba Ligo, kiu estis provokita je la 14a de majo 1948 flanke de la israela grandburĝaro per la proklamo de la ŝtato Israelo, forprenis la Israelanoj ne nur ĉirkaŭ 5000 km² da araba lando, sed ili forpelis ankaŭ proksimume unu milionon da Palestinaj-Araboj el ilia hejmlando, kvankam la UN-asembleo decidis je la 29a de novembro 1947, ke en Palestino estu starigotaj du ŝtatoj, unu juda kaj unu araba.

Sep jarojn pli poste, je la 29a de oktobro 1956 israela armeo per tankbrigado atakis tra Sinai ĝis al la Suez-kanalo. 24 horojn pli poste la malbonfama Suez-ultimato estis direktita al Egiptio kaj pluaj 24 horojn pli poste britaj-francaj militŝipar – kaj aviadilaroj atakis la Unuiĝintan Araban Respubliko, por „liberig" pafi la Suez-kanalon. Dum la 5a

de novembro 1956 paraŝutistoj de la imperiismaj potencoj surteriĝis en Egiptio.
Sen kalkuli la mortigitoj kaj vunditojn, kiuj estis registritaj dum la bataloj sur la Sinai-duoninsulo, la enloĝantaro de Port Said kaj Port Fuad devis plendi sole pro 15 000 mortigitoj. La firmeco de la Egiptanoj, la granda ondo de „Internacia Solidareco" kaj la averto de Sovetunio devigis la imperiistojn formarŝi. La Suez-kanalo restis proprajo de la egipta popolo.
De post 1960 Israelo ricevis de Okcidentgermanio por ĉirkaŭ 660 milionoj da markoj suplementajn donacojn de ĉiuspecaj armiloj kaj per „reparacio" en alteco de 3,5 miliardoj da markoj ĝi plialtigis sian armilpotencon kaj ekkonstruis antaŭ ĉio la armilindustrion.
En printempo 1967 la israelaj agresantoj plifortigis sian aktivecon. En majo Israelo komencis koncentrigi siajn trupojn precipe ĉe la landlimoj de la Suria Araba Respubliko. Je la 12a de majo la israela ĉefministro Ejkol signalis marŝon al Damasko. 24 horojn pli poste la israela armeo per trupa parado en Jerusalem denove provokis la arabajn najbarojn.
Frontita per la israela agresminaco kontraŭ la Suria Araba Respubliko UAR-registaro postulis de ĝenerala sekretario de UN, U Thant, la retiron de ĉiuj UN-trupoj, kiuj per permeso de Egiptio de post la Suez-agreso 1956 troviĝis en la Gaza-teritorio kaj en Sinai. Pro la decida sinteno de UAR kaj SAR la israelianoj devis prokrasti la agreson planita por la 17a de majo 1967. La sekvo estis sovaĝa kontraŭaraba incito fare de la imperiisma gazetaro de Novjorko ĝis Bonn, kiu eĉ ne hontis kondamni la objektivan sintenon de U Thant.
Israelo plifortigis siajn preparojn por rekta atako. Ĉefministro Ejkol deklaris, ke nun estus tempo „doni lekcion" al la araboj kaj li formis militkabineton. La agreso de Israelo kontraŭ la Arabaj Ŝtatoj komencis la 5an de junio 1967. Kiel pli poste eldiris kaptitaj israelaj pilotoj, la taĉmentoj de la israela armeo ricevis la ordonon al atako en la unuaj matenhoroj de la 5a de junio 1967.
Kanajla atako estis komencita, ekruliĝis senindulga militoperacio kaj senĉesa kaj konscia intenca misinformado de la konsilantaro por sekureco de UN. Jam dum la unuaj tagoj de la israelaj atakantoj estas forpelataj pli ol 100 000 okcidentjordananoj el sia hejmlando. Postlasante sian tutan havaĵon ili preskaŭ povis savi la nudan vivon.
Israelo malkovriĝis kiel tute ordinara imperiisma rabisto, kiu alpropriigis al si arabajn teritoriojn de ĉirkaŭ kvarobla grandeco de la ŝtato Israelo.
Kontraŭe al la imperiisma propagando, farita per multe da lukso, en la intereso de la paco devas esti konstatata:

**Israelo volis la militon por atingi siajn politikajn celojn kaj atakis siajn arabajn najbarojn meze en la paco.**

La verdira celo de la atako estis malutili la progresemajn Arabajn ŝtatojn kaj faligi la progresemajn regantajn fortojn de tiu ĉi ŝtatoj. La israela militatako kontraŭ UAR kaj la Arabaj Ŝtatoj okazis en la kadro de la globala strategio de la Usonaj imperiistoj kaj ties NATO-militara bloko. Ĉe kio ekzistis speciale malvasta politika kuniĝo de la imperiismaj fortoj, precipe de Usono kaj Okcidentgermanio.
Ankoraŭ hodiaŭ la Israelanoj daŭrigas senĉese sian agreson kaj ignoras la decidon de la Konsilantaro por Sekureco de UN forlasi la okupitajn teritoriojn.
Tiu ĉi krimo al la arabaj popoloj ne povas kaj ne devas esti permesata. Tia kolosa ofendo de la interpopola juro ne povas esti tolerata. En la intereso de la paco tial urĝe estas necesa politika solvo por la restarigo de la rajtoj de la arabaj popoloj. Ju pli rapide des pli bone. Tiel longe, kiel tio ne okazos, la israela atako estos vigligo por ĉiu potenca atakanto en la aliaj partoj de la mondo.

*Rudi Graetz*




UNO-konkludo
de 29. 11. 1947

-------- hebrea ŝtato
|||||||| araba ŝtato
//// intern. regiono




15. 5. 1948. Proklamacio
de Israelio

okupitaj regionoj
agreso 1967




|||||||| de Israelio okupitaj regionoj



1



2

# LA VIRINA SPORTO EN GDR

DE WOLFGANG GITTER



3



4

Hodiaŭ por ni estas memkompreneble, ke la virinoj multflanke sportas kaj ankaŭ partoprenas la Olimpiajn Ludojn. Jardeke longa batalo estis necesa, por realigi la emancipon de la virino ankaŭ en la sporta vivo.

Nur dum la 5aj Olimpiaj Ludoj 1912 en Stockholm unuafoje startis naĝulinoj (depost 1904 ekzistis la solaj olimpiaj partopreníntinoj por arkpafo kaj teniso), la malpezatletinoj venis al siaj rajtoj nur 1928 en Amsterdam. Kaj hodiaŭ ekzistas ankoraŭ vico de sportklasoj, kiujn ne entenas la olimpia programo por virinoj – kiel ekzemple la remado kio depost jaroj de la virinoj estas praktikataj kun ĝojo kaj sukceso.

La socia rango de la virino en la Germana Demokratia Respubliko estas karakterizita per plena samrajteco, kio memkompreneble ankaŭ esprimas sin en la sporta vivo. Pli ol ¾ miliono da civitanoj de GDR partoprenis ekzemple enketon pri la „Sportulino de la jaro" kaj elektis la Eŭropa-ĉampionino en artisma glitkuro, Gabriele Seyfert, kiel favorulinon. Sed oni ankaŭ estas fiera pri la 15jara germana gimnasta ĉampiono, Karin Janz, kiu estis la senacio de la 3a Internacia Sportsemajno en Meksiko en oktobro 1967, aŭ pro la 16jara mondrekordulino Sabine Steinbach kaj multaj aliaj. La kvar Olimpiavenkulinoj de GDR (Helga Haase gajnis 1960 en Squaw Valley la oran medalon por 500 m glacirapidkuro, Ingrid Gulbin-Krämer 1960 kaj 1964 tri orajn kaj unu arĝentan medalojn por art- kaj tursalto, Karin Balzer 1964 en Tokio por 80 m barajkuro, Ortrun Enderlein venkis 1964 en kuregglitveturila sporto) superas en populareco ĉiujn filmaktoristinojn de GDR.

420 000 virinoj kaj knabinoj estas membroj de la Germana Gimnastika Sportligo de GDR kaj regule sportas en diversaj disciplinoj. Ili scias, ke la sporto por ili signifas sanon kaj ĝojon, ke iliaj klopodoj estas rekonataj ĉiuflanke kaj ke al ili estas donataj ĉiuj premisoj por la sporta aktiveco. Multaj el ili akiris grandajn meritojn kiel trejnistinoj, sportsciencistinoj, sportkuracistinoj kaj sportinstruistinoj. Profesoro d-ro Erbach, kies edzino estas sukcesplena gimnasttrejnistino, antaŭ nelonge difinis, ke „En la moderna socio la sporto estas la plej efektiva formo de korpa perfektigo de la homo". Tiu ĉi ekkono en la virina sporto de GDR trovas sian praktikan realigon.

*Trad. Rudi Graetz*

*1 Ute Lehmann (GDR) – Vic-mondĉampionino en arta gimnastiko. Foto: Manfred Dressel, Berlin*

*2 Ingrid Gulbin-Krämer, plej suksesa sportulino de GDR (tri olimpiaj or-kaj unu arĝenta medaloj en art-kaj tursalto). Foto: E. L. Bach, Berlin*

*3 La Eŭropa-ĉampionino kaj vic-mondĉampionino de 1967 en artisma glitkuro, Gaby Seyfert (GDR), estis elektita 1966 kaj 1967 kiel „sportulino de la jaro". Foto: Manfred Dressel, Berlin*

*4 Karin Balzer (GDR) gajnis ormedalon per sia venko en 80 m obstaklokuro 1964. Foto: Manfred Dressel, Berlin*

# KION NI SCIAS PRI LA JARO 1980?

**Ĉu espero estas la duona vivo?**
**Rememoro al moko kaj realaĵo en 1948/50.**
**Kial ĉiu kvara lernejkomencanto ekde 1967 estonte ekstudados?**
**Kion jam nun ni havas de la jaro 1980?**

„Espero estas la duona vivo", asertas malnova proverbo – kaj, ĉu ne ankaŭ vi opinias, ke kuŝas en ĝi multe da vereco? La estonteco ofte nin samforte emocias kiel la estanteco. Ni havas dezirojn al ĝi, imagojn pri ĝi kaj planojn, kiuj grave destinons nian agadon.
Ĉe ni en GDR la estontec-pensado atingis dimension, kiu estas senekzemple en la germana historio – kaj mi tion esprimas, kvankam jam antaŭ pli ol 100 jaroj la socialistoj disponis pri scienca sociprognozo. Sed depost tiu ĉi prognozita sociordo en GDR fariĝis praktika realaĵo, depost ĝi projektigas vastajn etapojn, anstataŭante la antaŭan nur en krudaj konturoj prognozigeblan idealbildon, milionoj da civitanoj konscie partoprenas je formigo de la morgaŭo. Hodiaŭ ni esploras, kiujn trajtojn montros nia socio en jaro 1980, kiuj leĝecoj ĝin influantaj efikos.
Niaj unuaj eksperimentoj, el prognoza pensado tiri konkludojn por laŭplana socia evoluigo, kompare al tio fakte estis nur modestaj. Kaj tamen – kiu giganta progreso estis ili tiutempe!
Al kelkiu eĉ ŝajnis ĥimere, ke 1948 ni komencis duonjarplanon kaj poste dujarplana. Ja tiutempe ni vivtenis de mano en buŝon.
Ĉiuj ekonomiaj indicoj moviĝis ege sub tiu stato, kiu antaŭ la dua mondmilito estis normala.
Kromajn malfacilaĵojn en amplekso nekalkulebla kaŭzis la fendigo de Ger-

# Bilanco de la sukcesoj

Nia Germana Demokratia Respubliko komerce rilatas kun pli ol 100 landoj. Kun pli ol 49 landoj tiuj rilatoj estas regulitaj per fiksitaj kontraktoj.
En 48 ŝtatoj laboras komercagentejoj de GDR.
Dum la pasintaj 15 jaroj la internacia vendosumo de GDR pliobliĝis je la sesobla. Dume la eksporto kaj importo laŭ la tutmonda normo pliobliĝis nur trioble. Tiu evoluado demonstras la ekonomiajn fortojn de GDR kaj respegulas la atingaĵojn de nia laboristaro, gvidata de la Socialista Unuiĝinta Partio de Germanio. Tiel GDR povas montri egalan, stabilan bilancon por internaciaj komerco kaj financoj.
La varovendo kaj – aĉeto en la internacia komerco plialtiĝis depost la jaro 1962 de 19,9 al pli ol 25 miliardoj da valutomarkoj en la jaro 1966. Tio signifas, ke ĉirkaŭ 20 % de la tuta socia produkto estas realigataj per la internacia komerco de GDR.
Laú statistiko de UNO pri la tutmonda eksporto GDR enviciĝis kiel la 12a lando kaj kompare kun la eŭropaj landoj ĝi estas la oka. Kun la ŝtatoj, unuigitaj en la Konsilantaro por Reciproka Ekonomia Helpo preskaŭ 75 % de la internacia komerco estas realigitaj. Laúvice Sovetunio estas kun 44 % la unua komerca kliento antaú Ĉeĥoslovakio kaj Pollando.
Dum la jaro 1966 estis superataj la celoj fiksitaj jam en la unua jaro de la multjara komerca interkonsento inter GDR kaj Sovetunio. Kun parto de 18 % GDR estas la plej aktiva komerca partoprenanto de la internacia komerco de Sovetunio kaj ĝi kovras ĉirkaú 30 % de la soveta importo de maŝinoj kaj industriaj ekipoj.
La vara interŝanĝo de GDR kun la landaro de la Konsilantaro por Reciproka Ekonomia Helpo ĝis la jaro 1970 laú la kontraktitaj reguloj atingu la sumon de 100 miliardoj da valutomarkoj. Ĉiuj kontraktoj estas minimumaj programoj. Ankaŭ la bilanco laŭ la jara protokolo por 1967 pruvis, ke la vara volumeno de la longjara interkonsento estas esence superigita.
Tiuj interkonsentoj kun la frataj socialismaj landoj garantias al GDR stabilan fundamenton por la provizado per produktoj de la metalkonsumenta industrio, kun krudmaterialo kaj nutraĵoj.

*Trad. Esperanto Grupo Dresden*

manio. Kiam en okcidento de Germanio febrorapide estis preparata separa ŝtatfondo, jam estis fendita la unueca ekonomiteritorio Germanujo per separa valutreformo en la tri okcidentaj okupitaj zonoj.
Kiu ekonomia torso, kiuj malproporcioj per tio estiĝis inter unuopaj ekonomibranĉoj de la estonta GDR, heliĝu el tio, ke tiutempe disponiĝis en la okupitaj okcidentaj regionoj 120 kaj aliflanke en Orientgermanio nur 4 fand-altfornoj.
Plua fakto estis, ke post senproprigo de milit- kaj nazikrimuloj multaj homoj, ofte laboristoj, devis transpreni taskojn en decidaj pozicioj de la ekonomio, kvankam ili antaŭe neniam solvis tiajn taskojn kaj nur komencis kolekti spertojn. Kuvojn da moko verŝis super nin ekonomiekspertoj en okcidentaj redaktejoj – kaj ne nur ili. Ili profetis baldaŭan kaj plenan nian fiaskon.
Spite de tio la historio pruvis, ke niaj tiamaj ideoj de la proksima estonteco, ankaŭ se ili estis ŝarĝitaj per multaj mankoj kaj eraroj, milfoje pli bone respondis al la realaĵoj ol al la opinio de la mokantaj ekspertoj. Ja niaj planoj rezultis el la plej urĝaj bezonoj de la tuta socio. Ili montris, al kio la fortoj estu koncentrataj. Sekve de tio tiuj unuaj normnombroj popolekonomiaj eligis pli da potencoj ol antaŭvidis plej kuraĝaj optimistoj. La celoj de la duonjarplano estis superataj, kaj la dujarplano nefektivigis ni en 1½ jaroj. La tereno estis preparita por fiksi la kalkulnombrojn ankoraŭ pli respondante al la estonteco, antaŭplanante periodon de kvin jaroj.
Cetere tiu fakto denove kaŭzis bruan ridadon flanke de la jam nomitaj ekspertrondoj. Ekzemple: Ho kio – ŝipojn ili volas konstrui? Nu nu, ĉu tio estas ebla sen ŝtalo. Kaj ili senhezite antaŭdiris al ni neeviteblan malsukceson de niaj planoj.
Nu, intertempe ankaŭ tiurilate la historio esprimis sian juĝon. Tio estas tiel bonkonata, ke mi preskaŭ timas enuigi vin, se mi memorigas, ke GDR nuntempe liveras al dekduoj da landoj fiŝ kaptŝipojn, ŝarĝ- kaj pasaĝerŝipojn kaj ke GDR krome apartenas al la dek plej fortaj industriŝtatoj de la mondo . . .
Tamen eble tiu malgranda rememorokomprenigas la kontenton, kiun ni sentas pro la nun atingita nova kvalito de nia estontec-pensado. Ĝi ne estas karakterizata per tio, ke ni klopodas esplori la evoluliniojn de la popolekonomio kaj de ĉiuj aliaj decidaj sferoj de nia vivo por pli longa limtempo. Preskaŭ eĉ pli grava estas nova pensmaniero, kiun malfermis al ni per ilia prognoza laboro granda rondo de eminentaj sciencistoj kaj elstaraj praktikistoj.
La respondo al demandoj de planprincipoj, kiuj al ni senvualigas la karakterizajn trajtojn de jaro 1980, hodiaŭ destinas la skalon por niaj celoj. El tiu rigardo en estontecon ni rekalkulas, kio de jaro al jaro estu farota kaj nefarota, por ke nia popolekonomio garantiu al ni plej bonan efikon, plej altan riĉigon je nacia posedaĵo, por ke en ĉiuj vivtavoloj la leĝecoj, sekve ankaŭ la preferoj de nia societa ordo, ĉiam pli efiku.
Por 1980 antaŭmontras la prognozo i.a.: La popolekonomion karakterizas multnombraj komplete meĥanikigitaj kaj aŭtomatigitaj produktprocedoj, amplekse aplikata elektrona datprilaborado, kreskanta ĥemiigado, novaj krudmaterialoj kun ĝis nun apenaŭ image blaj elstaraj ecoj, kaj utiligo de atomenergio.
La konsekvencoj el tiaj prognozoj estas eksterordinare multtavolaj – kaj iliaj praktikaj utiloj jam nuntempe atingas gigantajn dimensiojn.
La prognozo komencis celkonscian laboron al rapida evoluo prefere de jenaj popolekonomiaj branĉoj kaj disciplinoj, kiuj decidas la tempon de la sciencteknika revolucio. Estu nomita detalo: Por novaj esplorinstitucioj en metio de elektrotekniko kaj konstanta renovigo de ĝia instrumentinstalaĵo ni investos ĝis jaro 1980 du miliardojn da markoj. Tio egalas la monsumon, kiun ni elspezis en la pasintaj jaroj por la konstruado de niaj ambaŭ plej modernaj kaj plej grandaj uzinoj de petrolĥemio en Schwedt (Ŝved) kaj Leŭna II.
Malgraŭ ĉi tiuj elspezoj ni ne atingus plej bonan rezulton, se ni izole irante volus atingi tion. Multe pli da profito promesas al ni kaj al niaj kunuloj – unuavice al niaj amikoj en la socialismaj landoj – la internacia kooperado kaj labordivido . . .
Edukproblemoj gigantampleksaj prezentiĝas per tiu prognozo. Ekzemple 1980 en la sfero de la datprilaborado estos bezonataj 100 000 ĝis 120 000 specialistoj, kaj la plej multaj GDR-civitanoj kontaktos kun la primara datpercepto. Sekve ni devas pripensi, kiel ni ŝanĝu la instruprogramojn de niaj ĝeneraledukaj 10-klasaj lernejoj, de la fak- kaj altlernejoj, de la universitatoj, responde al tiuj popolekonomiaj bezonoj. Ni devas prepari nin, atentante ke datprilaboro kaj grandnombraj aliaj evoluplanoj postulas: ĉiu kvara lernejkomencanto de jaro 1967 pli poste devas absolvi alt- kaj faklernej-studadon. Kaj plie: La scikresko en nia tempo tiel rapide progresas, ke ĉiu plenkreskulo post 8 ĝis 10 jaroj plene devas renovigi sian metikapablon, se li volas esti konforma al la novtempo. Sekve ni devas atingi, ke hodiaŭ la lernado jam estiĝu firma propraĵo de ĉiu GDR-civitano. Unuan konsekvencon ni tiris pastintjare, depost enkonduko de ĝenerala kvintaga laborsemajno ni ricevis kromajn ripoz- kaj edukeblecojn.
Plura pripensado de tiu ĉi problemo konvinkas, ke la strukturo de nia socio ŝanĝiĝos. Ĉe ĝenerala altiĝo de la edukato ekzemple ne nur grandiĝos la kvoto de la intelektularo proporcie al la kunlaboro inter la diversaj sociaj potencoj en GDR atingos pli altan stupon. Jam nun en industrio kaj agronomio tuta loĝantaro, ne nur forigos iom post iom la fundamentan diferencon inter korpa kaj spirita laboroj – ankaŭ evoluiĝas kooperaj ĉenoj kaj kooperaj unioj, en kiuj plenfide kaj samrajte por komunaj celoj kunagadas uzinoj de diversaj posedformoj. Nova stadio de socialisma demokratio kaj pli alta efekiveco de nia popolekonomio montriĝas, kiu per impona plialtiĝo respeguliĝas en la rubrikoj de la „nacia enspezaro" kaj „vivnivelo".
Eble vi demandas: Ĉio estas bonbone – sed kio okazos, se la prognozo en tiu ĉi aŭ tiu rilato montriĝas erara? Mi respondu, ke niaj sciencistoj kaj praktikistoj seninterrompe je tio laboras kaj laboros, por malkovri tiajn mankojn kai neprecizaĵojn. Por socialismo estas kritiko kaj memkritiko vivbezono. Per tio ni diras, kion ni hodiaŭ ĝenerale, morgaŭ konkrete kaj postmorgaŭ ĝis en detaloj specialigite scias. Kaj dum tempo, kiam ekonomiekspertoj en diversaj okcidentgermanaj redaktejoj en propraj terenoj konstatas stagnadon kaj „atrofion" sur partterenoj, ni plenkonfide kuraĝas antaŭdiri: Jam baldaŭ en GDR ni ne plu havos respekton antaŭ la sekretoj de jaro 2000.

*Gerhard Töpelmann*
*Trad.: Otto Bäßler*

---

**Ni devas ne honti aprobi la veron kaj alpreni ĝin de kie ajn ĝi venas, kaj eĉ se ĝi venas de la rasoj malproksimaj aŭ de nacioj kontraŭantaj nin. Estas ja nenio pli inda al la serĉanto de la vero ol scii ĝin. Ankaŭ ne devus subtaksi la veron, nek malgrandigi ĝian diranton aŭ la alportanton de ĝi.**

Araba maksimo 7a jarcento

# Latinamerikanoj rigardas la GDR-on

En la latinamerikaj landoj dum la pasintaj jaroj la intereso pri la eŭropaj problemoj konsiderinde kreskis. Pli kaj pli oni pridubas la falsan bildon, kiun la okcidentgermana propagando disvastigis en la plej multaj latinamerikaj landoj pri la GDR kaj pri la plej gravaj problemoj en la eŭropa politiko. Vastaj popoltavoloj ekkonas la vizaĝon de la malamata komplico de la USA-imperialismo malantaŭ la stultmaniera misprezento de la realeco. Tial estas komprenebla, ke progresemaj intelektuloj kaj ĵurnalistoj komencis per propraj publikigaĵoj peri la veron pri ambaŭ germanaj ŝtatoj, pri la kaŝitaj kaŭzoj kaj celoj de la okcidentgermana propagando.

Tion pruvas la antaŭ nelonge publikigitaj verkaĵoj de la konata urugvaja ĵurnalisto Luis Fierro (La nueva Alemania, 221 p., Editorial Letras S. A. Montevideo), kaj tiuj de la advokato Augustin Cuzzani kaj de la kuracisto Alfredo Bauer en Argentinio. (Milagro del Este, 143 p., Editorial Cicero Buenos Aires). En ambaŭ broŝuroj la aŭtoroj montras per ekzemploj la en iliaj landoj vaste disvastigitan nescion kaj misinformitecon pri eĉ en Eŭropo ĝenerale konataj faktoj. Tiel Fierro priskribas la surprizon, kiun li kaŭzis 1965 dum diskutado en la urugvaja televido per klarigo de la nuntempa mapo pri Germanio. Oni ekzemple estis serioze surprizata pri tio, ke Okcidenta Berlino enmeze de la GDR situas pli proksima al la ŝtatlimo de Pollando ol al tiu de Okcidenta Germanio.

Surbaze de la malbonaj konoj inter la loĝantaro de iliaj landoj pri la Germana Demokratia Respubliko, la aŭtoroj de ambaŭ broŝuroj celas „malkovron" de la GDR por iliaj latinamerikaj legantoj. Tio okazas ne nur iel per redono de vojaĝimpresoj, sed per sukcesinta interligo de tiuj impresoj kun celdirektita analizo de la karakterizaj flankoj pri la socia vivo en la GDR. Samtempe ili komparas la evoluon de la okcidentgermana ŝtato, kaj la daŭre ripetiĝantaj ĉefpunktoj de la okcidentgermana propagando, kiel en la sinmemprezento, tiel ankaŭ koncerne al la GDR konvinkige estas konvinkataj absurdaj. Cuzzani/Bauer inter alie resumas siajn priskribojn en la konstato:

*„La Germana Demokratia Respubliko, la ‚Germanio de Oriento', tiu ĉi mistero, kiun la amikoj en Buenos Aires nek volas koni nek percepti, koncerne al la restarigo de loĝejoj, stratoj, fabrikoj, al la socialisma konstruado kaj al la sennaziigo tion sukcesis, kion neniu opiniis ebla. La renaskigo de Germanio en la vera senco de la vorto estas plenumita per tiu ĉi popolo . . ." (P. 38)*

Al similaj konkludoj venis Luis Fierro en sia analizo pri la plenumoj de la Germana Demokratia Respubliko sur ĉiuj kampoj de la socia evoluado. Ankaŭ ĉi tie okazas konvinkpruvita kompara pritakso al la okcidentgermana ekonomio, en kiu oni inter alie povas legi:

*„Oni diras, ke la rekonstruo de Okcidenta Germanio estis ‚ekonomia miraklo'. Tiu ĉi ‚miraklo' estis financita per la Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko pro politikaj kaŭzoj, kaj, ĉar la financigo montriĝis bona deponigo de kapitalo por ĝiaj monopoloj. Tio jam per si mem pruvas, ke malofte ekzistas mirakloj."*

Analizinta la antaŭkondiĉojn de ambaŭ germanaj ŝtatoj por la ekonomia rekonstruo Fierra konstatas, ke en la GDR estiĝis tute nova ekonomio en duobla senco:

*„. . . ĉar preskaŭ ne ekzistis materia bazo kaj ĉar la sistemo estis nova. La germanoj en la GDR . . . laboris je novaj fundamentoj, en tempo, kiam ili altigis la produktadon, ili kreis socian sistemon por la utilo de la laboranta popolo, sen ekspluatado kaj subpremado. Tial, por diri ĝin resume, la ekonomia kaj sociala statoj en la Germana Demokratia Respubliko posedas esencan kaj ne kompareble pli altan valoron, ol la tuta kriado pri okcidenta ‚miraklo'. Ĉiu paŝo antaŭen en la ekonomio, en la scienco, en la kulturo kaj en la socialaj akiraĵoj de la GDR . . . estas vera posedaĵo de la orientgermana popolo kaj de ĝia antifaŝisma gvidantaro." (P. 164)*

Klare la broŝuro al la leganto ilustras, ke post la dua mondmilito evoluiĝis du suverenaj germanaj ŝtatoj kun fundamente diversaj socialekonomiaj strukturoj. Klare ĝi skizas la avantaĝojn de la socialisma Germana Demokratia Respubliko kompare al la okcidentgermana ekonomio. Intense ĝi ankaŭ montras la endanĝerigon de la paco per la okcidentgermana ŝtato, kaj precipe por la pacema konstruaĵo de la GDR. Tiu ĉi problemaro speciale estas fundamente pritraktita en la ĉapitroj „La Muro", „La germana problemo kaj la mondo" de Cuzzani/Bauer, kaj en „Novkoloniistoj kaj antikoloniistoj", „Renaskiĝinta nazismo" kaj „Kiu starigis la Muron?" de Luis Fierro. Sur la paĝo 137 Cuzzani/Bauer ekzemple konstatas:

*„La paco en la centro de Eŭropo estas endanĝerigata. La dua plej grava danĝerloko post Vietnamio ekzistas en Germanio."*

Tiun ĉi konstaton li pruvas per nerefuteblaj faktoj el la plej freŝdata okcidentgermana politiko. Kiel plej videblaj pruvoj estas nomitaj la novfaŝismo kaj revenĝpolitiko, kiu sian plej agresan esprimon posedas en la arogo pri la alekstera solreprezentado.

*„La okcidentgermana ŝtato, spite al ĝiaj pridubindaj juraj fundamentoj, sendube pretendas al si la ‚jurisman ekskludecon'. Ĝi asertas, ke ĝia leĝo*



*Geknaboj el Torgelow, lernante agrikulturisto, dum ripozo* Foto: Zentralbild



Knabinoj en Berlino. Foto: Zentralbild

*estas jurvalida por tuta Germanio en la limoj de 1937, tio signifas, kiel por la Federacia Respubliko Germanio, tiel ankaŭ por la Germana Demokratia Respubliko, kaj por tiuj teritorioj, kiuj hodiaŭ estas partoj de Pollando kaj de Sovetunio." (Milagro del Este, p. 87)*

La aŭtoroj pere de siaj esploroj pri la registaro de la „granda koalicio" speciale kontribuis al forigo iluzioj, kiuj en Latinameriko estis parte tre sukcesplene vekitaj, koncerne la politikon de tiu ĉi registaro. Jam kiel opozicia partio la SPD sub la CDU-registaro de Erhard estas nenion entrepreninta por decide haltigi la agresan vojon de la monopoloj. Kiel ekzemplo Cuzzani/Bauer citas la konduton de la Dortmunda Kongreso de la SPD al la danĝerstata leĝdonado:

*„Rezisto ne estis konstatebla, nek en, nek ekster la parlamento." (P. 140) „Dum la finceremonio de la kongreso oni ne kantis la Internacion aŭ la Marseljezon, sed la malnovan ekspansiisman himnon ‚Germanujo super ĉio'."*

Tiu ĉi priskribo enkondukas esploron pri la vera karaktero de la SPD-gvidantaro kiu konsciigas al la leganto en ĝusta kunligo la pretecon al koalicio kun Kiesinger/Strauß. Luis Fierro detale okupas sin pri la nazia pasinteco de la gvidantaro en Bonn, pri Lübke, Gerstenmaier kaj Kiesinger. La lastan li karakterizas per „nazia propagandisto de unua kategorio" (P. 199) Cuzzani/Bauer skribas: (P. 141)

*„La kandidatigo de notora nazio kiel Kurt Kiesinger por la posteno de registara ĉefo en la Federacia Respubliko Germanio kaŭzis ŝokon por multaj homoj, kiuj bonintence provis nei la laŭleĝan daŭrigon de la evolua linio de Wilhelm IIa trans Hitler al Erhard kaj Strauß, kaj kiuj rigardis la naziismon hazarda fenomeno venkita definitive en la nuntempo."*

Sed samtempe la aŭtoroj klarigas al la leganto, ke la hodiaŭan germanan imperialismon kontraŭstaras multe pli fortaj potencoj, kiuj scipovas eviti realigon de ĝia revanĉisma politiko. La aŭtoroj dokumentas, ke tiuj germanaj pacfortoj, kiuj per la starigo de la Germana Demokratia Respubliko kreis sian unuan socialisman ŝtaton, ĉiam pli okulfrape ĝuas rekonon kaj respekton en la mondo, kaj sole jam per tio kontribuis al la fiaskigo de la abnorma politiko de alekstera solreprezentado de Okcidenta Germanio. En la fino de sia broŝuro Luis Fierro ankoraŭfoje substrekas:

*„Inter Elbo kaj Baltika Maro naskiĝis firma nova Germanio. Nova ne nur pro ĝia sociala kaj ekonomia strukturo, sed ankaŭ pro ĝia pacspirito kaj ĝia pledado por libereco kaj justeco. Pozitiva faktoro por la paco kaj por Eŭropo estas tiu ĉi nova Germanio, kontraŭe al la alia, kiu bedaŭrinde daŭrigas la katastrofplenan pasintecon. Ankaŭ por ni, kiuj vivas sur tiu ĉi kontinento, ĉar la mondo malgrandiĝis kaj ni ĉiuj estas engaĝitaj." (Luis Fierro, p. 219–220)*

Ankaŭ Cuzzani/Bauer finante metas siajn legantojn antaŭ la decidon:

*„En la Germana Demokratia Respubliko ni observis, sentis, kaj sennombrajn fojojn spertis: La homoj posedas absolutan klarecon pri la grandega krimo, kiun korpigas la faŝismo, kaj firme decidiĝis neniam permesi ripeton. En la Federacia Respubliko denove ekĝermas la faŝismo. La leganto mem lau tiu ĉi diferenco pritaksu la valoron de ambaŭ partoj de Germanio." (Milagro del Este, p. 143).*

*Trad.: r. b.*

# La novaj okulvitroj de Jean Edward Smith

## Usona sciencisto ŝanĝas sian vidpunkton pri GDR

De d-ro Klaus Steiniger





„Rekonstruaj helpantoj" antaŭ berlina magistrata domo, kreita de nacia premiito Fritz Cremer
Foto: Zentralbild

La usona profesoro pri politikaj sciencoj Jean Edward Smith en la pasinta jaro metis sian piedon sur la – tiel oni oficiale instruis lin hejme – „ne ekzistantan grundon de fikcia ŝtato en la limoj de Germanio". Li venis kun la granda aro da eksterlandaj vizitantoj, kiuj ĝuis la gastamecon de GDR en 1967.
Sed baldaŭ malheliĝis antaŭ la okuloj de Jean Edward Smith. Li havis vertiĝon. La mensogo, al kiu li fidis hejme ja tro longe igis lin kunporti la neĝustajn okulvitrojn. La vitroj ne estis travideblaj – sur ili kuŝis tiu netrapenetrebla nebulo, kiu malhelpas al klara vido kaj kompreno: la antikomunismo. Do, s-ro Smith devis, se li ne volis senhelpe palpe paŝi anstataŭigi – almenaŭ dum certa tempo – siajn okulvitrojn per aliaj. Ili ankoraŭ estis ne sufiĉe ekzaktaj kaj ofte donis neklarajn konturojn. Tamen: Inter la blinduloj la unuokululo estas reĝo.
Refluginte trans la grandan akvon, s-ro Smith mirigis la usonan publikon. Ja ne mankis sciindaj novaĵoj, kiujn li kunportis. Aliajn homojn li avertis, ne uzi la neĝustajn okulvitrojn okaze de vojaĝoj en la Germanan Demokratian Respublikon.
Jean Edward Smith en la enfluhava „New York Herald Tribune" senmaskigis per objektiveco, kiu ne estas kutima por tiu ĵurnalo, la bildon pri GDR, fabrikitan de Bonn kaj oferitan al la meza usonano, kiel senlertan perazenvostan pentraĵon.
„En GDR oni efektivigis novan sociordon ... Tio eble estas la plej surpriza aspekto de la tieaj ŝanĝiĝoj, ĉar ni tro ofte kredis, ke la germana socialismo estus floro el la plantvarmejo", konstatas la konata politikologo.
„GDR estas nacia germana ŝtato", deklaras Smith. Nova ŝtatokonscio ekzistas en GDR. Li skribas: „La historia centro, situanta en orienta Germanio, estas restarigita lerte kaj skrupule en sia iama majesteco. Ĝi jam okulfrape diferenciĝas de la sendeca kaj brua atmosfero de la Kurfürstendamm (ĉefa strato en okcidenta Berlino)." La profesoro, kies konsideroj kaj opinioj sendube ne originas el entuziasmo pro la venkoj de la socialismo, sed el pragmatisma senco por faktoj, aprezas tiun grandiozan sukceson, kiun povas registri GDR precipe ekde 1961. La disponoj de la 13a de aŭgusto por sekurigi la limojn ne nur „enkondukis unu el la plej vastaj mirakloj ekonomiaj de Eŭropo", sed ankaŭ kontribuis al daŭra paco, ĉar „unusola incidente estus povinta eksplodigi la pulvobarelon kaj eventuale povus ekflamigi mondvastan incendion".
S-ro Smith, kiu opiniis, ke li en GDR renkontus parte pasive vegetantan, parte obskure ribelantan, sed ĉiukaze politike senrajtigitan popolon, devis lasi sin konvinki de la kontraŭo. „La vizitanto el la okcidento trovas memkonscion kaj fieron pro la atingitaj sukcesoj en GDR", li resumas.
„La plej surpriza fakto ... estas la grado, kiel la popolo identigas sin kun sia registaro kaj kun la formiĝanta socio, kiun oni povas konstati ĉe la civitanoj de GDR, precipe junuloj esprimas sian konsenton al la Germana Demokratia Respubliko kaj ili demandas akuze, kial la okcidento rifuzas la rekonon. Ĝi ja estas nia ŝtato, diras multaj", kiel scias raporti Smith.
Li ĉie renkontis, deklaras Smith, „malkonsenton pri la pretendo de Bonn, reprezenti sole Germanion kaj paroli en la nomo de la loĝantoj de GDR". Ĉiam denove li aŭdis: „Agnosku nin, kaj fino!"
De sur la bazo de ampleksa statistika materialo li informas siajn gelegantojn pri la ŝtorma evoluo de nia ekonomio kaj tiam konkludas: „En la vilaĝoj de GDR oni hodiaŭ aŭdas surprizan laŭdon pri la novaj kamparanaj kooperativoj. La kolektivigo de la kampara mastrumado estis memkomprenebla sukceso – kaj ĝuste tiel aprezas ĝin la orientgermana kampara loĝantaro."
Je la fino Smith demandas retorike: „Kiel stabila estas Orientgermanio?" Kaj li respondas: „Apenaŭ ekzistas indikoj, ke ree povus esti returnataj la montriloj de la horloĝo ... La Germana Demokratia Respubliko ne fiaskos."

*El „SONNTAG", periodaĵo de „Germana Kulturligo", n-ro 2/68 (mallongigita)*

**Njen Thu Ĉung / Suda Vjetnamio**

# LA KANTO

Ĉiufoje kiam la aferoj kondukis min en la loĝlokon B. K., mi nepre vizitis la fratinon Ŝam. Ne pro tio, ke malantaŭ la domo flubruetas la malgranda diafana rivereto. Kaj ne pro tio, ke en la korto de la fratino Ŝam kreskas luksaj arbustoj de mirindaj aromaj LI. Ne! Mi iris ĉi tien pro tio, ke tie estas malgranda knabineto Son. Ĉarmega, aminda infano. Son! Ŝi ne estas ankoraŭ eĉ kvinjaraĝa, sed kiel belege ŝi kantas! Ŝi kantas kaj gvidas sin mem per eta maneto.

Mi prenas ŝin sur miaj „manoj" kaj inter ni okazas la sama kutima, sed emocia interparolo:

– Son, kies filineto vi estas?

– De mia paĉjo kaj panjo.

– Kaj kies nevino vi estas?

– Mi estas nevino de onklo Ĥo.

– Kaj ankoraŭ kies?

– Ankoraŭ – de onklo-soldato de liberiga armeo.

Poste ni kune kantas.

– Onklo, kantu la kanton „Jen estas ronda luno".

Jen estas ronda luno – tio ĉi estas la kanto de la infanoj de Norda Vjetnamio. Son unufoje ekaŭdis ĝin per radio kaj memorfiksis nur unu linion: „Eĥ vi, luno, ronda kaj altega". Mi ankaŭ memoras ne pli ol Son.

– Demandu, onklo! Eble, iu scias ĉi tiun kanton. Kaj poste vi lernigas min, ĉu bone?

– Bone . . . .

En la sama tago mi denove alvenis en la loĝlokon B. K. Mi ne forgesis pri la peto de malgranda Son, sed mi ankoraŭ ne renkontis la homon, kiu scius la kanton pri la ronda luno.

Rimarkinte min ankoraŭ de malproksime le malgranda Son ĝoje ekkriis:

– O, onklo Ĉung! Onklo Ĉung!

Ni ekkuris renkonte unu la alian, mi ekkaptis la knabineton sur la brakojn kaj kisis Son. La malgranda Son metis sian etan maneton sur miajn lipojn kaj tuj komencis rakonti al mi tiel multe da interesaj aĵoj:

– Ĉu vi scias, onklo Ĉung, ke la onklo soldato de la liberiga armeo kaptis tiel multege da kaptitoj! Kaj mia paĉjo kaptis tian grandejan fiŝegon! La duonon mia paĉjo donis al la onklo-soldato por fiŝsupo, kaj la alian duonon li lasis por mi.

Diru, onklo, ĉu vi aŭdis, kiel onklo Ĥo parolis per radio?

Ekparolante pri radio, malgranda Son subite ekmemoris:

– Ho, onklo, ĉu vi portis al mi la „Rondan lunon"?

– Ankoraŭ ne . . . .

Ho, kiel mi kulpis antaŭ tiu etulino! Kiel malmulte ni, plenaĝuloj, zorgas pri infanoj: Ĉu tio estas bone?

Kun la malgranda Son sur la brakoj mi eniris la korton. Sed en ĉi tiu momento aŭdiĝis la bruo de aviadiloj. La fratino Ŝam ekkriis:

– Donu al mi Son kaj rapidu en tranĉeon. Dum lastaj tagoj ili alflugas tre ofte, – kiel ilin nur la tero portas?

Mi etendis Sonon al ŝia patrino kaj malsupreniĝis en al defendejon. Kaj Son, kiel plenaĝulino, kriis al ni:

– Kaŝu vin bone, onklo Ĉung!

La bruo de aviadiloj fariĝis pli forta kaj subite – trah! trah! – unu post la alia komencis eksplodi la bomboj. La buloj de tero, ŝtonoj, branĉoj de la arboj disflugis en ĉiujn flankojn . . Ha! . . Ha! . .

Mi elŝovis min el la bombrifuĝejo kaj ekkriis:

– Fratino Ŝam, gardu vin! Napalmo!

Sed miaj vortoj dronis en la bruanta flamo. Forpasis unu minuto, dua . . . kvin minutoj . . . . Malsupren jetinte ĉiujn bombojn, la aviadiloj forflugis.

Mi elrampis sur la teron kaj tuj kuris por serĉi la fratinon Ŝam kaj la malgrandan Sonon. Jen ŝi estas. Ŝajne, ŝi estas ne vundita. Kia feliĉo! Sed . . . . kio do tio estas! Sango! . . . .

La bruston de la malgranda Son trabatis obusero. Ĉu efektive tiu ĉi eta knabineto estas morta? . . .

Dum la verspermanĝo mi tute ne volis ion manĝi. La taso da rizo kun la peco da fiŝo por la malgranda Son staras apude. Fratino Ŝam ploregas kaj malbenas la sangavidajn fremdulojn, kiuj ne volas resti en sia Usono. Ne, ili nepre devis alflugi ĉi tien kaj murdi ŝian solan filineton, ŝian gajan birdeton Son.

Kaj la patro de malgranda Son sidas senmove kaj per larĝe malfermitaj okuloj, plenaj de malamo, rigardas rekte antaŭ sin mem, kvazaŭ li vidus tie la murdiston de sia amata filineto.

Sur la alia flanko de la rivereto ĉe najbaroj iu ŝaltis la radion. Ĝuste en tiu momento komencis la muzika sendo el Hanojo por infanoj. La ĥoro de la infanĝardeno „Ĝermo" plenumis la kanton „Ronda luno". Mi eliris por peti la mastron elŝalti la radion, sed en la korto mi haltis. Senvorte staris mi kaj aŭdis: „Eh vi, luno, ronda kaj altega . . ."

Ĝis tiam en ĉiu batalo apud mi ĉiam estas la malgranda Son kaj la kanto pri la ronda luno.

Trad.: Nadija Andrianova, Kiev

*–C.R.–*

---

## KIE ABONI AL „PACO"

| | Jarabono |
|---|---|
| *Aŭstralio:* S-rino Grace Kirkwood, P.O. Box 78, COFFS HARBOUR JETTY, N.S.W. 2451 | 10 ŝ. |
| *Aŭstrio:* Franz Wagner, Reimundstr. 37, Post 10 LINZ | 40 ŝ. |
| *Belgio:* Jean Coen, 9, Rue Arthur Roland, BRUXELLES-3 | 70 b.f. |
| *Britio:* C. Fielding, I, Church Road, Horfield BRISTOL-7 | 6 ŝ. |
| *Bulgario:* Bulgara MEM-Komitato, Bulv. Ĥr. Botev No 97, SOFIA | 2 l. |
| *Ĉekoslovakio:* Tomás Balda, Revnice 416/23, PRAHA-ZAPAD | 20 k. |
| *Danlando:* Egon Starup. Lavendelsvej 8, Udlerje Pr. ÜLSTYKKE | 10 k. |
| *Finnlando:* Järvinnen, Västva, KELMOLA | 5 m. |
| *Francio:* Féderation espérantiste du Travail, 4, rue du G-al Malleterre, 75-Paris-16 (p.ĉ.L.902.52 Paris) | 10 f.f. |
| *Germana Demokratia Respubliko:* Centra Laborrondo de la Esperanto amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo, 108 Berlin, Charlottenstr. 60 | 4 M. |
| *Hungario:* Hungara MEM-komitato, BUDAPEST-VIII, Kenyérmezo utca 6 | 26 f. |
| *Islando:* Oskar Ingimarsson, Langholtsveg 3, REYKJYVIK | 50 k. |
| *Israelo* Ben-Alter Jehiel, Meonot Ovdim 31, PETAH-TIKVA | — |
| *Italio:* Dante Cattaneo, Via Val di Pedro 23, MILANO | 850 l. |
| *Jugoslavio:* Dim. Bjelanoviĉ, BEOGRAD, Zahumska 23/b | — |
| *Japanio:* Nanba Zyozi, Kodan 21–201, Huruiti-Kita–3, ISAKA-ZYOTO | 1000 l. |
| *Kubo:* Raul Juarez Sedeno, Apartado 570, CAMAGÜEY | — |
| *Nederlando:* Cor de Waart, Plancinsstraat 71, AMSTERDAM-C | 4,5 g. |
| *Nepalo:* Keshab Ran Joshi, Esperanto-Societo 10/319, Bhosiko Tale, KATHMANDU | — |
| *Popola Respubliko de Koreo:* Korea Esperanto-Asocio, (S-ro Sin Gosang), Poŝtkesto 16, PJENJANG | — |
| *Norvegio:* Nenning Nielsen, TÖRVIKBYGD | 10 k. |
| *Nov-Zelando:* La peranto de Aŭstralio | — |
| *Pollando:* Pola Esperanto Asocio, ul. Jasna No 6 WARSZAWA | 35 z. |
| *Rumanio:* Simon Arpad, Str. Matei Voavod 12, BUCURESTI – 31 | — |
| *Sovetunio:* Unuiĝo de societoj sovetaj de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj (S-ro A. Makovskij), Kalinin 14, MOSKVO | 2 r. |
| *Svedio:* K. Kvist, Rimansgatan 13, DEJE (p.ĉ.k.442478) | 10 k. |
| *Usono:* Jim Deer, 12946, Ne Nancock, Portland, Oregon 97230 | 1 d. |
| *Venezuelo:* Ildefonso Nunez, Apartado de Correos 250, BARQUISIMOTO | — |
| *Vjetnama Demokratia Respubliko:* MEM-sekcio de VPEA, 68 Ly Thuong Kiet, HANOJO | — |
| *Aliaj landoj:* A. Balague, Traiseng 26, St. Pölten (Aŭstrio) | 10 int. naciaj respond-kuponoj |



# Vjetnamio estas tute proksima al ni!

En la Germana Demokratia Respubliko (GDR) nun pli ol 2000 junaj gevjetnamoj lernadas en diversaj branĉoj de industrio. La vjetnamaj geamikoj estas venintaj kun zorgoplena koro en GDR. Ĉiutage ili atendas kun zorgoj la sciigojn el sia suferadanta hejmlando. Sed ili scias, ke ilia profesia lernado kunhelpos plifortigi Vjetnamion kaj venki la agresanton, kiu minacas iliajn familiojn tagon post tago.
Kiel grave konsideras la gegastoj sian komision, tiel pruvas ilia fervorega lernemo miriganta prizorgantojn same kiel instruistojn. Dum la unuaj monatoj nur la germana lingvo estis instruata. En tiu tempo la vjetnamaj geamikoj lernu la elementan scion de nia lingvo por ke povu komenciĝi la faka instruado en la fabrikoj.
Ekzemple en la popolapartena uzino por radiofonio (VEB Funkwerk) en Erfurt 59 vjetnamoj, inter ili 13 junaj virinoj kaj knabinoj lernas la elektromuntistan metion. Tie kvar kabinetoj estis aranĝitaj. En tiuj kap-aŭdiloj kaj sonbendoj plifaciligas la lernlaboron. (La instruistoj ne scipovas la vjetnaman lingvon). Tiumaniere la junaj gevjetnamoj ekscias tiajn lingvajojn kaj vortojn, kiujn ili ĉiutage aplikas kaj klopodas pliampleksigi en la kunvivado kun siaj germanaj gegastigantoj. Kvankam la regula instrutempo finiĝas posttagmeze, la lernado estas daŭrigata ĝis malfrua vespero. Unu helpas al la alia, neniu ne progresas aŭ ne atingas la ĉiutagan lerno-celon.
Kaj la penado rekompenciĝas. En Mühlhausen, kie en la VEB Valvo-uzino kvar virinoj kaj dekses junuloj lernas duan profesion, unu el la instruistinoj raportis, ke el la unua diktaĵo pri 40 vortoj maksimume rezultiĝis nur sep eraroj. La laŭdo vere meritita estis modeste rifuzita. Por la gegastoj ĉio ĉi estas memkompreneblaĵo, same kiel la heroaĵoj faritaj de multaj el ili ĉe la defendado de sia hejmlando kontraŭ la usona agresado.
Ekzemple Vi thi Men – ŝi ankaŭ lernas en Erfurt – laboris en la ĉef-telegrafejo de la provinco Quang Ninh, kiam en Aŭgusto 1964 USA-teroraviadiloj surprizatake bombardis ŝian hejmurbon. Malgraŭ eksplodantaj bomboj la gracila knabino restadis kuraĝe en sia laborejo telefonante pro helpo de sanitaristoj kaj savbrigadoj. Pro sia ega kuraĝeco Men plurfoje estis publike honorata kaj eĉ la prezidanto Ho chi Minh persone distingis ŝin.
Nun Vi thi Men volas danki per sia diligenteco en la lernado ankaŭ al nia respubliko pro la ampleksaj helpaĵoj, el kiuj la instruado de junaj vjetnamoj nur estas unu inter multaj. „Sen la medikamentoj, sen la sango-konservajoj kiel ankaŭ sen la maŝinoj kaj instrumentoj el GDR nia batalado en Vjetnamio estus multe pli malfacila", diris al ni Vi thi Men kaj ŝiaj geamikoj, „Maŝinoj el GDR laboras en ĉiuj regionoj de nia lando, en subteraj fabrikoj, en la ĝangalo. En GDR post mallonga tempo ni jam konstatis, ke la proleta internaciismo kaj la solidareco kun nia popolo estas kor-afero por viaj ŝtatanoj".
Kulmino de la internacia semajno de la solidareco kun Vjetnamio estis en GDR la transdono de donaco pri 10 milionoj da markoj de la Libera Germana Sindikato al la Vjetnamio-Komitato de la Germana Demokratia Respubliko.
GDR plue transprenis la pripreparon de sangodonaĵoj de anglaj laboristoj al sango-konservaĵoj por Vjetnamio.

*Trad. E. Wald*



**Ricevitaj en la Centra Redakcio:**

Bulgara Esperantisto
der esperantist (GDR)
Heroldo de Esperanto
Esperanto (revuo de UEA)
Radio Budapest (esperantlingvaj programoj)
Pola Esperantisto (N° I kaj 2 de 1967)
La socialisto (Aŭstrio)
Esperanto, langue internationale (Belgio)
Suda Vjetnamio (Faldfolio pri la usona agreso)
Parolas pola radio (programo de la elsendoj en Esperanto)
Hungara vivo
52a U. K. – Gazetara servo
53a U. K. – Unua oficiala bulteno
Les Nouvelles de Moscou
New Zealand esperantist
Nuntempa Bulgario (N° I kaj 7 de 1967)
Katalogo de la hungarlanda esperanto biblioteko
Ripozoj (Bulgario)
La Pacaktivulo
Pacon en Vjetnamio (Japanio)
Norda Prismo
Universala skribo
Lingvologia revuo
Cirkulero pri „po" GFR
Nia espero (Belgio)
Libroj eldonitaj en Moskvo, Hanojo, Berlino, Kanariaj Insuloj (Stafeto)

Aperis „La germana popolo kaj la Unuiĝintaj Nacioj". La broŝuro – 63-paĝa – prezentas gravajn dokumentojn kaj komentojn pri la internacia politiko de Germana Demokratia Respubliko kaj ĝiaj rilatoj al Unuiĝintaj Nacioj.
Tiu ĉi interesa broŝuro altkvalita kaj sciindenhava eldonis Germana ligo por Unuiĝintaj Nacioj kaj ankoraŭ estas havebla ĉe
Centra Laborrondo de la Esperanto amikoj de GDR
108 Berlin, Charlottenstr. 60,
Germana Demokratia Respubliko

Planita estas la eldono de 240 paĝa, multilustrita broŝuro „GDR sin prezentas". Antaŭmendo eblas ĉe sama adreso.

# KORESPONDDEZIROJ

40 gekomencantoj kaj geprogresintoj dez. korespondi kun ĉiuj landoj per bele afrankitaj let., bildkartoj pri Esp.-pacmovado kaj turismo. Resp. garantiata. Adreso: Esperanto-Grupo „Popolamikeco", mane Kurt Heeg, 962 Werdaŭ, Ziegelstr. 20, *GDR.*

Dez. korespondi pri teatro, lingvoj kaj filatelio Claus Walther, 9273 Oberlungwitz, Hirschgrund 12, *GDR.*

La membroj de junulara klubo de internacia amikeco de la lernejo N° 10 Benderi, Moldavia, deziras korespondi kun gejunuloj en ĉiuj landoj. Skribu al gvidanto: Špetrik Mark, Benderi, str. Drujba 10/52, *Sovetunio*/Moldavio.

Dez. korespondi Evgenij Martiŝĉenko, pr-t oktjabrskij 28/3 Kv./9 Velikie Luki, Pskovskoj obl., *USSR.*

S-ro Jan Kabala, oficisto, ul. Mickiewicza 18, Piotrków Tryb., woj. Lodzkie, *Pollando,* kor. pri kulturo, interŝ. pm-ojn, kulturaĵojn tutmonde.

Dez. kor. kun gejunuloj en Esperanto, franca, sovjeta aŭ hungara lingvoj pri sporto, muziko; interŝ. diskojn, bildojn, bildkartojn. Mi estas junulo 20-jara. Mihály Fekete, Ozd. Táncsics t. „E" ép. 2/3, *Hungario.*

Serĉas kolektantojn de pm-oj kaj ilustritajn poŝtkartojn en tuta mondo. Wilhelm Rottig, 705 Leipzig, Gregor-Fuchs-Str. 35, *GDR.*

Esperanto-societo de la *Moskva Universitato* serĉas kulturajn kontaktojn kun eksterlandanoj.

# SEKRETARIO DE M.E.M.

*Prezidanto:*
Nikola ALEKSIEV (Bulgario)

*Vicprezidantoj:*
Karl KVIST (Svedio) – Tinka LAKOVA (Bulgario)

*Ĝenerala sekretario:*
Gösta HOLMKVIST, Rönneholmsvägen 55, tr. 2 IV MALMÖ/Svedio

*Sekretarioj:*
Tomás BALDA, (Ĉekoslovakio) – Ito SABURO (Japanio)

*Centra administranto:*
Anton BALAGUE, Traiseng 26, St. Pölten/Aŭstrio

*Centra redaktoro de „PACO":*
William GILBERT, 30, rue Croix-Montoire 37 – Tours – 02 (Francio)

*Eldointo de tiu ĉi numero:*
Germana Kulturligo / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo de la Esperanto amikoj de la GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 22 59 91. Respondeca redaktoro: Eugen Menger. Redakcia komisiono: Otto Bässler, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Redakcia fino: 5a Februaro 1968. Aperas ĝenerale 12 foje dum jaro, ĉiu foje kiel eldono de alia MEM-landa sekcio. Presejo: III/9/1 Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.
8557 - 36

*Herausgeber für dieses Heft:*
Deutscher Kulturbund/Bundessekretariat (Zentraler Arbeitskreis der Esperantofreunde der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstrasse 60. Fernruf: 22 59 91. Verantwortlicher Redakteur: Eugen Menger. Redaktionskommission: Otto Bässler, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 1528 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Redaktionsschluss: 5. Februar 1968. Erscheint in der Regel zwölfmal im Jahr, jeweils als Ausgabe einer anderen MEM-Landessektion. Jahresabonnement: M 5,– einschl. Versandspesen. Preis dieses Heftes: M 1,–. Druck: III/9/1 Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.
III-21-3

# ENHAVO



FRITZ CREMER, DDR, verkita kontraŭ la abomena krimo en Vjetnamio · Litografio 1966